XXVI-a Jaro. — Nº 355 (3). Monata Marto 1930.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

ENHAVO: La enhavo de nia lingvo: Edmond Privat (45). — Kio okazos en Azio (46). — Vivo de Hinda Gvidanto (46). — Paca batalo en Sudafriko (47). — Fosilo anstataŭ pafilo (48). — Ekspozicio Internacia de Higieno (49). — Notoj (49). — Stefan Zweig pri Romain Rolland (51). — Tra la libraro. — Novaj libroj (52-53). — Al forirantino (53). — La kongresurbo Oxford (54). — 22a Universala Kongreso de Esperanto, tria bulteno (55). — En kelkaj linioj (56). — Gazetaro kiel grava rimedo por disvastigi Esperanton (57). — Lingvaj Studoj (57). — Niaj mortintoj (58). — Radio (58). — Reklamo (59). — Esperantista Vivo (59). — Aldono: Oficiala Informilo de UEA, n-ro 4. — Bulteno de l'Internacia Labora Oficejo, n-ro 36.

## LA ENHAVO DE NIA LINGVO

Ne kredu, ke la fina venko de Esperanto dependas de iu aŭ alia ŝanĝo de regularo, ĝi dependas antaŭ ĉio de la enhavo de la lingvo.

En la antaŭmilita periodo Esp. akiris vivon kaj adeptaron pro sia enhavo: la interna ideo. En la postmilita epoko tute simile. Sed la « interna ideo » suferas krizon. Tute nature.

Kial ? Ĉar la milito mem kaj la sekvintaj seniluziiĝoj naskis ĝeneralan naŭzon pri « belaj sentoj kaj vortoj ». La popoloj aŭdis tro da paroladoj kaj vidis tro malmulte da faroj por eviti novan buĉadon. Tial ili fariĝis malfidemaj. Tute ne mirinde.

Nu, en Esperantujo speguliĝas plej senteble ĉiuj movoj de la internacia atmosfero. Sur nia verda lageto kuras ondoj kaj sulkoj blovitaj de l' homaraj ventoj. Ankaŭ plej normale.

Kiu imagus rajton kaj eblecon ordoni, ke Esperanto servu nur al tio kaj ne al tio ĉi, tiu farus saman eraron kvazaŭ li volus limigi al certaj birdospecoj la liberan uzon de l' aero por spiri kaj flugi.

En la mondo laborista regas granda kolero kontraŭ la nuna ekonomia sistemo. Ĉiu scias tion. Tiu indigno kaj kontraŭbatalo trovis internacie sian esprimon en la helpa lingvo.

En la mondo katolika regas forta deziro unuigi ĉiujn fortojn de kredo trans limoj de gento, raso, klaso. Ĉar la lingvo latina tro fremdiĝis al popolamasoj, internaciemaj katolikoj trovas en Esperanto taŭgan komunikilon.

En ambaŭ okazoj la enhavo donas la ĉefan valoron al nia lingvo en okuloj de tiuj adeptoj. Ilia literaturo kaj gazetaro alportas al ili per Esperanto ĝuste tiun *ion*, kion ili serĉas.

Vidante tiun fenomenon, kelkaj el niaj propagandaj societoj ĉagrenas : « Jen, ili diras, ni faras la tutan laboron por propagandi la lingvon, kaj aliaj organizoj profitas el ĝi. » Ploro tre homa, sed mallarĝvida.

Fine, pro kio ni disvastigas Esperanton ? Por ni mem aŭ por la ceteraj ? Kiam vi donacas ion, ĉu vi devas meti kondiĉojn ?

Kio faras la fortecon de fakaj movadoj, tio estas ilia pens' kaj cel' unueco. Kial la eksterpartia esperanto-movado simple « lasis fali » la ĉefan enhavon kaj vivigilon de nia lingvo, ĉar la antaŭmilita formo ne plu taŭgis ?

Tio estis granda eraro kaj ne ĝusta kompreno de la realo. La sopiro de la homaro al faroj anstataŭ paroloj estas tute prava. Sed ĝi tro rigardas oficialajn aktorojn kaj ne vidas ke, en la nuna mondo, miloj da homoj efektive laboras por agi anstataŭ paroli. Por kontraŭbatali militon kaj konstrui pacon ekzistas plej diversaj energiaj klopodoj, kiuj meritas atenton kaj sekvon. Kial ni ne pli uzas Esperanton por reciproke nin informi pri tiu formika laborado sur ĉiuj kampoj ?

Ekzistas scienco pri paco, tute same kiel scienco pri milito. Ĝi tuŝas ne nur religion kaj politikon, sed ankaŭ juron, edukadon, ekonomion, psikologion.

Ne ĉiuj homoj kredas, ke ekster ilia propra dogmaro kaj partio, ĉiu ajn klopodo estas senvalora. Multaj kontraŭe deziras koni kaj bonvenigi ĉiun pozitivan agadon kaj sperton, ankaŭ ĉiun novan kreaĵon en arto, kiuj esprimas la sopiron de l' homaro al pli harmonia mondo kaj helpas ĝin efektive progresi al ĝi.

Tie kuŝas vasta kampo por doni riĉan enhavon al Esperanto krom tiu de l' apartaj eklezioj aŭ partioj. Dro Zamenhof ĉiam esperis, ke Esperanto ebligos tiun necesegan kreon de homara kulturo.

Se nia lingvo devas sukcesi per siaj meritoj flanke de potencaj nacilingvoj, ne sufiĉas ĝia facileco ; ni devas doni al ĝi propran enhavon. La materialo ekzistas kaj atendas esprimilon.

Edmond Privat.

# OKCIDENTO KAJ ORIENTO

## KIO OKAZOS EN AZIO ?

Ni uzu Esperanton por konstrua laboro al pli paca kaj malpli dividita homaro. Nia lingvo mem celas pligrandigi la komprenon inter la diversaj nacioj, rasoj, kaj civilizoj.

Sub tiu fako la forigo de antaŭjuĝoj inter Oriento kaj Okcidento ŝajnas al ni esenca kaj urĝa. El la politika mondo alvenas al niaj oreloj ĉiuspecaj novaĵoj aŭ diskutoj pri la problemo de fremdulrajtoj en Ĉinujo kaj pri la rilatoj inter Hindujo kaj la Brita Imperio.

Pri tiuj gravaj aferoj ĉiu politika partio havas sian propran ideon kaj intencon. Sed krom ili kaj super ili restas la grava fundamenta demando pri la tuta estonteco de la komuna homaro, kies unu duonon prezentas kune Hindujo kaj Ĉinujo en nombro da loĝantoj. Tio valoras pripenson.

Ambaŭ naciegoj nun batalas por egaleco de rajtoj kun tiuj de l'Okcidento. Unu posedas politikan sendependecon kun ĉiuspecaj juraj kaj ekonomiaj limigoj, ne plu tolerataj de la juna generacio. La alia sopiras al memrego (hinde: *svaraĝ*).

Ambaŭ posedas tre malnovajn civilizojn. Kiam Okcidentanoj ankoraŭ ĉasis nude en arbaroj kaj loĝis en kavernoj, la ĉinoj jam posedis grandurbojn kaj bibliotekojn. Ilian saĝon kaj delikatan ĝentilecon poluris miljaroj post miljaroj.

Inter niaj du rasoj, flava kaj blanka, staras ankaŭ lingva barilo ĝisfunda. Helpu nin Esperanto ĝin amike transiri.

Inter Hindoj kaj Okcidentanoj la diferenco estas malpli granda. Antaŭ tri mil jaroj ili estis unu popolo kaj parolis unu lingvon. El tiu komuna aria gento, vivinta ie sur nuna rusa teritorio, formigris homaj bandoj, unu post alia.

Iuj fondis Atenon kaj Romon, poste la ĉefajn regnojn de Eŭropo kaj Ameriko, la ceteraj migris suden trans Kaŭkazo, eklogis Persujon kaj Hindujon. Ĝis hodiaŭ la « hindoeŭropaj » lingvoj restas ankoraŭ parencaj post trimiljara dismigrado.

La nordaj Arianoj lernis batali kontraŭ malvarmo kaj malsato, ankaŭ inter si mem. Ili fariĝis nacioj agemaj, militemaj, gajnemaj. La sudaj Arianoj en Hindujo trovis pli facilan klimaton kaj lernis pli profunde pensi.

En la Brita Parlamento, antaŭ kelkaj monatoj, S-ro Baldwin sufiĉe sprite ilustris la diferencon inter la du vidpunktoj pri la vivo. En la Manchestera oficejo, kie li lernis komercon, estis afiŝite: « Tie ĉi domo de negoco. Faru vian negocon kaj lasu aliajn fari sian. »

En Hindujo ĉiu infano konas la proverbon: « La vivo estas nur vojaĝo de unu vilaĝo al alia kaj ne ripozejo. » Citinte ambaŭ preceptojn, S-ro Baldwin, la konservativa eks-ĉefministro, konkludis, ke S-ro Gandhi same malfacile komprenus la unuan, kiel la Direktoro de Daily Mail la duan.

Tio klarigas iom la tragedian situacion de tiuj du grandaj nacioj kun komunaj prapatroj, retroviĝantaj hodiaŭ unu ĉe l'alia post tri mil jaroj kaj devigataj solvi sian politikan rilaton el absolute malsamaj penskutimoj.

Turnite al admiro kaj pripensado de eternaj valoroj pli ol de momentaj, la hindaj popoloj konservis tra la miljaroj sian antikvan religion kaj siajn kutimojn.

Ili restis esence kampkultura nacio kun vilaĝaj hejmindustrioj. La nuna vivado en granda familia hejmo ne multe diferencas de tiu, kiun priskribas Homero en la malnovgreka poemo pri Odiseo.

Al tiu vasta lando, preskaŭ tiel granda kiel Eŭropa kontinento sen Rusujo, la nun regantaj Angloj alportis fervojon, poŝton, telegrafon, sed ankaŭ siajn malkarajn teksaĵojn el Manchester, kiuj detruis la malnovan vilaĝan hejmindustrion de ŝtofoj. El tio rezultis granda ekonomia ŝanĝo, kiu kaŭzis parte la nunan situacion kaj la pacan ribelon de Gandhi.

Por kompreni lin kaj lian unikan influon sur la hindaj milionamasoj necesas iom koni ambaŭ ekonomian kaj religian staton de Hindujo. La samo necesas ankaŭ por kompreni tion, kion Angloj signifas, kial ili asertas ke ilia foriro kaŭzus anarkion kaj interbatalon.

Kio okazos en Hindujo? Tion demandas ĉiuj legantoj de taĝjurnaloj rimarkante strangajn depeŝojn pri kongreso en Lahore, bombo en Delhi aŭ disputo ĉe Brita Parlamento. Ni ne povas kaj ne volas respondi al tiu demando kaj provi la sendankan laboron de profetoj antaŭdirantaj la estonton.

Sed kion ni ja povas fari kaj volonte faros, tio estas iom informi niajn legantojn pri stato, historio, kulturo, civilizo, unueco kaj dividoj de la Hindoj kaj ankaŭ pri iliaj ĉefaj homoj, kiel la poeto Tagore kaj la gvidanto Gandhi.

Estas rimarkinde, kiom malmulte kaj malakurate la angla kaj eŭropa gazetaro informas sian publikon pri tiuj aferoj en periodo tiel grava. Kiel estos eble solvi pace tiun grandegan problemon de la rilatoj inter Okcidento kaj Oriento, se ni ne faros ĉion por almenaŭ koni unu la alian?

Anglujo donis al la tuta mondo la profiton de sia longa sperto en Parlamenta kaj demokrata progresado. Eĉ la popoloj, kiuj ribelis kontraŭ ĝia regado, kiel Usono, faris tion en la nomo de ĝiaj propaj principoj. Al neniu Anglo venus la ideo riproĉi vin, se vi parolas pri Hindoj aŭ Gandhi, eĉ se li ne konsentos. Li respektas « fair play ». Hindujo donis al la mondo la eternan instruon de Buddha, ke nur amo venkas malamon, nur vero la malveron. Hodiaŭ ĝi posedas homon, kiu batalas sen aliaj armiloj kaj kuraĝas vivi sankte, eĉ en politiko, kiel rimarkis lia angla juĝisto.

Ĉu tio ne montras du grandajn civilizojn, indajn vivi pace kaj egalrajte, multon lernante unu de alia? Ĉu ili tion faros tute aparte aŭ sub komuna reĝo kiel Irlando kaj Anglujo, tio estas ilia afero, ne la nia. Sed neniu scias pli bone ol Anglujo, ke perforta devigo neniam egalas liberan elekton.

Tie ĉi ni volas nur helpi al interkompreno inter Okcidento kaj Oriento citante tiujn homojn, kiuj anbaŭflanke scias ami kaj admiri tion, kio estas aminda kaj admirinda ĉe la ceteraj kaj samtempe kuraĝas honti kaj batali kontraŭ tio, kio estas maljusta kaj malbona ĉe si mem. Tiajn spiritojn ni nomas veraj konstruantoj de nia komuna hejmo, ne tiujn, kiuj scias vidi la malbonon nur ĉe la ceteraj kaj la belon nur ĉe si.

## Vivo de Hinda Gvidanto

Antaŭ unu jaro en juĝejo de Kalkutta estis vokita la nomo de Mohandas Karamchad Gandhi. En la plenplenan tribunalĉambron envenis tiu malgrasa, malalta homo kun grandaj oreloj, lumaj okuloj kaj humorvigla rideto. Kiel hindaj malriĉuloj, li portas nur blankan pantaloneton kaj foje tukon sur la ŝultroj. Ĉe lia alveno subite ĉiuj homoj stariĝis unumove: publiko, ĝendarmoj, advokatoj, anglaj juĝistoj...

Kiam li vojaĝas de vilaĝo al vilaĝo, dekmiloj da viroj, virinoj, vivantaj amasoj marŝadas mejlojn kaj mejlojn tage kaj nokte por ekvidi lin, la « mahatma » = *Grandanimo*. Infanoj tuj instinkte rekonas kaj ĉirkaŭas lin ame kaj sentime.

Dum la Kristnaska semajno lasta, ĉe la Tuthinda nacia kongreso en Lahore, li trankvile forprenis siajn rondajn okulvitrojn dum frakasa aplaŭdego kaj ribelkriado: « Ni ĵus decidis unuanime, ke de nun nia programo estos atingi plenan rajton por Hindujo decidi mem pri sia sorto, li diris. Sed estus granda honto, se ni ne kuraĝus severe mallaŭdi krimon, mortigon kaj ĉiun formon de perforto kaj eĉ insulto. Ĉu vi ne komprenas, ke ni ĉiuj estus respondecaj pri la vivo de ĉiu Anglo kaj Anglino, kiu vivas inter ni? Tial ni devos oferdoni eĉ niajn proprajn vivojn por ke ne falu eĉ haro de l' kapo de iu ajn angla infano. Nur per absoluta braveco, sen perforto, sen timo, sen mensogo, ni atingos liberecon. »

Nu kiu estas do tiu homo, kiu tiel severe parolas al propra popolo? De kie li venas? Kion li faris antaŭe? En Hindujo aperis multaj verkoj pri tio, ĉu de Hindoj, ĉu de Angloj. Valoras ilin legi.

Gandhi naskiĝis en 1869 en malgranda ŝtato de la Okcidenta marbordo. Avo kaj patro servis ties reĝon kiel ŝtatministroj kaj frue rezignis la postenon pro troa verdiremo.

La patrino estis pia hinduino kaj Viŝnuanino. En la regiono forte regis influo de Jainanoj, kiuj respektas vivon eĉ en plej malgrandaj bestoj. En la familio neniam estis manĝata viando.

Edzigita, kiam dektrijara knabo, kun samaĝa knabineto, Gandhi konis kaj priskribis la tragedion de tiuj trofruaj unuiĝoj. Hodiaŭ lia edzino eĉ ne scias legi, kvankam ŝi fidele sekvas lin. Jam de longe ŝi fariĝis fakte kvazaŭ patrino por li.

La knabo, junulo kaj patro lernis en gimnazio kaj aŭdis kolegojn admiri la fortecon de l'Angloj « ĉar ili manĝas bifstekon ». Li provis unufoje, sed dum tuta nokto la buĉita kaprido dancis en lia stomako kaj sonĝe rigardis lin kun plendaj okuloj. Estis netolereble.

Cetere, kion la knabo ankaŭ ne povis toleri, tio estas ion kaŝi de fidemaj gepatroj. Kiam li rakontis iam al patro ion, kion li kaŝis, la viro kolerema nenion diris, sed larmo fluis sur lian vangon kaj la knabo komprenis la valoron de absoluta verdiremo.

Perdinte la patron, li venis al Londono por studi juron, promesinte al patrino, ke li absolute sindetenos de viando, alkoholo kaj seksaĵo. La promeson li tenis. En tiu tempo ne ekzistis multaj vegetaraj restoracioj kaj Gandhi devis kuiri mem en sia ĉambreto. Fine li renkontis anglajn vegetaranojn kaj fariĝis sekretario de ilia societo.

Forte allogite al liberpenso kaj ateismo, li legis Biblion kaj trovis teda la malnovan Testamenton. Sed kiam li alvenis al la Nova kaj legis la « predikon sur la monto », li estis profunde impresita kaj trovis tie konfirmon de tiuj vivprincipoj, kiujn li memoris plej noblaj en la malnovaj hindaj skribaĵoj sanskritaj.

Li relegis atente sub nova lumo la belegan « Baghavad Gita » kaj trovis en ĝi tiun saman instruon, ke la celo de la vivo ne estu akiri riĉaĵojn aŭ gloron, sed forigi suferojn de subpremitoj kaj ankaŭ, ke nur vero venkas mensogon kaj amo malamon.

Pli malfrue li ankaŭ simpatie legis Koranon, sed fariĝis, nek Mahometano, nek Kristano, preferante fidele resti en propra gepatra religio klopodante apliki ĝuste tiun esencan fundamenton, kiun li trovis komuna kun ceteraj religioj.

Ne estas eble silenti pri tio, ke li do havis sintenon treege similan al tiu de Zamenhof, kiu ankaŭ konsideris religion antaŭ ĉio el morala vidpunkto kaj opiniis, ke homoj povus renkontiĝi sur unueca etika bazo, konservante siajn apartajn kredojn dogmajn.

Laŭ Gandhi, katoliko restu katoliko kaj Mahometano Mahometano, sed ili neniam konsentu inciton, ofendon aŭ eĉ propagandon kontraŭ alia religio. Ili « pruvu » la sian per sia vivo kaj agoj, ne per parolaj argumentoj.

Akirinte sian juristan gradon, Gandhi revenis Hindujon kaj ĉagrenege aŭdis, ke mortis lia patrino. Li provis komenci karieron de advokato en Bombay, sed, same kiel Zamenhof, kiam juna kuracisto, li ne povis toleri multajn profesiajn kutimojn. Ankaŭ li apenaŭ sukcesis paroli publike.

Tiam lia frato havigis al li gravan komision en Sudafriko.

## Paca Batalo en Sudafriko

Tien jam estis migrintaj pluraj dekmiloj da Hindoj. Sudafrikaj eŭropanoj bezonis laboristojn por siaj plantejoj. La nigruloj ne volonte varbiĝis. Oni venigis Hindojn kun kvinjara kontrakto. Poste alvenis iliaj familioj, ankaŭ komercistoj ĝuste el sama regiono nord-okcident-hinda kiel la Gandhi-familio.

Du tiaj importistoj havis disputon pri mendoj kaj la hejma firmo sendis la junan advokaton por helpi ĝian filion en Sudafriko.

Alveninte tien, Gandhi vidis la Okcidentan civilizon sub tute alia lumo ol ĉe la progresemaj vegetaranoj de Londono. Eĉ en kristanaj preĝejoj, ne nur en hoteloj kaj fervojoj, oni malakceptis Hindojn pro la koloro de ilia haŭto.

Nekredeble! Kiel apostolo Paŭlo siatempe fieranta pri sia romana civitaneco, tiel Gandhi kredis ke en Brita Imperio ĉie la brita civitaneco donas al ĉiuj egalrajton. La faktoj kaj moroj ilustris tute alian realon.

La juna Hindo suferis insultojn, forpuŝojn kaj eĉ batojn de blankuloj. Li emis tuj revojaĝi hejmen. Tutan nokton li pripensis sidante en malvarma stacidomo, kien li estis forĵetita el vagonaro. La rajton sidi en kupeo aŭ gastiĝi en hotelo li ĉiam povis tuj akiri per personaj intervenoj kaj rekomendoj de eŭropaj konatuloj, sed ĝuste tion li ne ŝatis.

Kio lin priokupis, tio ne estis kiel li mem povus eviti la maljustaĵojn. Plej facile tiam reveturi hejmen. Ne. Kio lin indignis estis la fakto, ke liaj malriĉaj samlandanoj devas suferi tion senhelpe kaj sen interveno. Lia reveno hejmen savos lin, sed ne ilin. Do li restu kaj batalu por ili.

Tiel li decidis antaŭ ol matena suno pale envenis revarmigi la dezertan atendejon. Unue urĝis likvidi la proceson inter la du hindaj firmoj. La junulo simple kaj honeste iris al la kontraŭulo de sia kliento riskante kompromiti la tutan aferon.

« Nu, li diris, kun alvoka rigardo de varmaj amikaj okuloj, ĉu ni ne tuj aranĝu pace la tutan aferon? Estu malavara kaj saĝa samtempe. Proponu seriozan kompenson al via konkuranto kaj repaciĝu. Ne taŭgas tiel kvereli pro mono inter du Hindoj. »

La granda komercisto tre miris je la naiveco kaj impona kuraĝo de tiu juna Hindo. Post ioma pripenso li cedis kaj la tuta proceso estis evitita.

Tiam la junulo ekstudis atente la tutan juran situacion de la hindaj migrintoj en Sudafriko. La Eŭropanoj en la kronkolonio de Natal estis tre kontentaj aĉeti la braklaboron de Hindoj, ĉar la Nigruloj ne lasis sin dungi, sed post la fino de la kvinjaraj kontraktoj, ili estus dezirintaj, ke la Hindoj rekontraktiĝu aŭ reveturu hejmen. Kion ili malŝatis kaj timis, tio estis, ke la Hindoj restas, fariĝas liberaj metiuloj kaj uzas la ŝparitan mongajnon por aĉeti kampon aŭ butikon. Tiam fariĝis vera konkurenco, ĉefe en kulturado de legomoj.

Krom la kvarcent mil Zuluoj, la 40.000 Natalaj eŭropanoj havis antaŭ si 60.000 Hindojn sub kontrakto, 10.000 liberajn kaj 10.000 restintajn post kontrakto. En 1894 la Eŭropanoj decidis trudi pezan impoŝton al Hindoj kaj eĉ forpreni ilian voĉdonrajton.

En holandlingvaj respublikoj de Transvalo kaj Oranĝo ankaŭ okazis leĝa decido kontraŭ Hindoj. Ilian proteston kaj sindefendon organizis Gandhi, kies trankvilan saĝon kaj fervoran sindonon rimarkis tuj liaj samnacianoj. Ili petegis lin resti daŭre kaj helpi.

Kongreso kaj gazeto estis baldaŭ fonditaj, petskriboj redaktitaj, juraj apelacioj entreprenitaj. En 1896 Gandhi veturis Hindujon por kunpreni sian familion kaj interesi la hejmlandon pri la sudafrika situacio.

Kiam li revenis, la eŭropa popolamaso pro gazetincitoj atakis lin en strato kaj preskaŭ mortigis « linĉe ». Kiam la registaro — pro telegramo el Londono — proponis aresti kaj puni la krimulojn, Gandhi rifuzis ilin kulpigi aŭ eĉ identigi: « Estas por mi religia punkto kaj mi kredas servi mian komunaron kaj min mem per nevenĝo. Tial mi prenos la tutan respondecon sur min kaj donas al vi la petitan subskribon por atesti tion. »

Kiam jura batalo ne plu sufiĉis, tiam Gandhi organizis energian reziston kontraŭ maljustaj leĝoj per strikoj aŭ rifuzo pagi la malegalan impoŝton.

Sed li ĉiam akceptigis kaj solene promesigis de la rezistantoj, ke ili absolute detenos sin de ĉiu ajn perforto aŭ eĉ respondo al perforto, ĉu per ago, ĉu per vorto. La celo estas konvinki la kontraŭulon par sia propra sufero kaj ofero, kiu estu por li pruvo de vera maljustaĵo. Cetere Gandhi neniel konsentus gvidi movadon alie, ĉar por li Ahimsa (ne mortigo) estas fundamenta religia kredo.

Lin oni arestis kaj plurfoje kondamnis al malliberejo kaj al punlaboro, ĉu solan, ĉu kun multaj kunuloj. Ili ne cedis. Fine la polico ne sciis, kion fari per tiom da arestitoj. Ankaŭ la publika opinio ekŝanceliĝis, ĉar ili neniam rompis sian promeson de paca kaj ĝentila batalo sen rebatoj aŭ insultoj.

Ankaŭ tre impresis la fakto, ke Gandhi ne profitis la sudafrikan militon por puŝi la hindan aferon. Aliaj konsilus kontraŭe profiti la malfacilaĵojn de la « malamiko » por serioze vundi kaj devigli lin. Ne tiel batalas konscienculo.

Unue ne ekzistas por li « malamiko », sed nur « nekomprenanto ». Se tiun frapas malfavoraj (por li) cirkonstancoj, via devo estas tuj ĉesigi la batalon eĉ pacan, kaj lin helpi en lia horo de malfeliĉo!

Tial, dum la du sudafrikaj militoj, zulu-angla kaj bur-angla, Gandhi organizis helpsekciojn kun siaj hindaj amikoj kaj brave riskis propran vivon sur batalkampoj por savi kaj flegi vunditojn, ĉu blankajn, ĉu nigrajn. Eĉ la falintan filon de fama brita generalo Gandhi mem forportis sub pafado. Morton li ne timis, nur mensogon aŭ malamon. La samon li faris, kiam okazis la mondmilito en 1914.

Kiam la britaj kolonioj kaj buraj respublikoj fine kunfandiĝis en unu vastan Sudafrikan Unuiĝon, Gandhi rekomencis la pacan batalon kaj reiris malliberejon kun aliaj Hindoj. Por prizorgi dume ties familiojn kaj eduki ties infanojn, li estis fondinta kamparan kooperativan hejmaron apud Johanesburg.

Li mem vivis malriĉe kiel laboristo, klopodis faciligi la taskon de l'edzino kaj simpligi la vivon por eviti troan ŝarĝon al patrinoj ĝenerale. Ankoraŭ hodiaŭ ridas kaj ploras famaj juristoj el Sudafriko pri la memgladitaj kolumoj de Gandhi ĉe tribunal-aŭdiencoj. Sed lian puran vivon, absolutan veremon kaj humorplenan inteligenton ili ankaŭ ne forgesis.

Iam kun miloj da hindaj strikantoj kun edzinoj kaj infanoj li tramarŝis la tutan landon en fama protestmigrado. Denove li estis arestita. Sed kien meti la ceterajn milojn? Fine la registaro cedis kaj ĵus antaŭ la milito estis subskribita la fama interkonsento inter Gandhi kaj generalo Smuts, foriganta maljustan leĝon.

Edm. Pr.

## NOTOJ

*La sveda poŝto.* — Belan kaj imitindan kutimon sekvas la sveda poŝta administracio. La eksterlandaj poŝtĉekkontuloj agrable surpriziĝas ricevi ĉiujare je la unua de Januaro bele presitan bondeziron de la direkcio kaj de la oficistoj. Sed samtempe tiu ĉi bondeziro estas agrabla reklamo por Stockholm, la ĉefurbo, ĉar lukse presita bildo akompanas la bondeziron. Spertuloj asertas, ke la sveda poŝtĉeka administrado rilatas kun la kontuloj kiel komercisto al bona kliento, uzante formojn tute ne kutimajn en ŝtataj oficejoj. Kial tio ne estas eble en aliaj landoj?

*En Okcidento nenio nova.* — Malmultaj tendenc-verkoj sub formo de romano havis tian sukceson kiel tiu ĉi. La ĵus aperinta eldono en Esperanto kompletigas la liston de la tradukoj. Aperis do: (Ciferoj montras la nombron) Angla (300 mil); Angla en Usono (250 mil); Bulgara (6.000); Ĉeĥa (50 mil); Dana kaj norvega (60.000); Finna (16.000); Franca (385 mil); Hebrea (?); Hispana (52 mil); Judgermana (4.800); Holanda (60 mil); Kroata (?); Latva (23 mil); Hungara (21 mil); Pola (10 mil); Rumana (6 mil); krome prepariĝas eldono en japana lingvo.

Iom et la historio de la terpomo. — Ĝenerale estas citata ke Sir Francis Drake (1540-1596) alportis la terpomon al Eŭropo. Pro tio oni eĉ starigis al li monumenton. Sed oni dubas ĉu efektive li tion faris, ĉar la raportoj el siaj vojaĝoj, kaj eĉ tiuj de la plej intimaj amikoj de Drake, ne citis ion pri tio. Fakte la terpomo konatiĝis en Eŭropo nur antaŭ la Franca revolucio, devigata preskaŭ perforte al la popolo per la filantropo Parmentier, laŭ kiu oni nomas en Francujo la supon de terpomoj « Parmentier ». La monumento de Drake troviĝas en la germana urbo Offenburg (Baden). Estas nun fiksite ke la terpomo devenas el la altebenaĵoj de la Andoj en Suda Ameriko. Ĉirkaŭ 1550 ili venis dank, al hispanaj monakoj al Hispanujo, kaj pli poste al Italujo. Sed oni konsideris la planton nur kiel botanikan kuriozaĵon' Por nutroceloj Hawkins ĝin alportis 1565 al Anglujo kaj Raleigh 1584 en Irlandon, dume Drake verŝajne alportis la dolĉan terpomon (Batato). El Italujo la terpomo venis al Germanujo, kie ĝi unue servis kiel manĝaĵo por bestoj kaj aldono al la pano, sed kiel ĝenerala manĝaĵo homa uziĝis nur depost 1776.

**KURACISTOJ**

speciale por vi estas eldonata

**Internacia Medicina Revuo**

*Do abonu : Jare : 1. Usona dol.*

20, rue aux Laines ——— Bruxelles (Belg.)

## SOCIA VIVO

# Fosilo anstataŭ pafilo

Franca novelisto Alexis Danan publikigis rimarkindan libreton titolitan « Armeo de homoj sen malamo » (*L'Armée des hommes sans haine*, Paris, Attinger) en kiu li rakontas siajn impresojn pri la libervola help-servo organizita por alporti praktikan helpon al la malfeliĉaj loĝantoj de la regneto de Liechtenstein post la katastrofo.

Ni siatempe anoncis la faritan alvokon. La Rejno estis elbordiĝinta post pluvegoj kaj la kulturkampoj estis detruitaj kaj superŝutitaj per ŝtonoj kaj sablo. Terura mizero minacis tiun etan princlandon, kuŝantan inter Aŭstrio kaj Svislando.

Konata pacifisto kaj apostolo de persona rezistado kontraŭ milito Pierre Ceresole, ankaŭ esperantisto, vokis al ĉiuj bonvolaj homoj en la mondo, ke ili venu por senpage labori kaj helpi tiun frapitan popoleton, al kiu mankis mono kaj brakoj sufiĉaj.

El diversaj landoj de Eŭropo, eĉ el plej nordaj regionoj de Skandinavio alkuris kelkcentoj da bonvolaj viroj kaj virinoj, kiuj sinsekvis dum la tuta somero 1928, kaj laboregis. La junuloj — kaj eĉ maljunuloj — forigis ŝtonojn, transportis rokojn kaj arbotrunkojn for, la junulinoj kuiradis por ili.

Oni penadis energie de frumateno ĝis vespero. Ankaŭ oni fratiĝadis. Kunvenis tie studentoj, verkistoj, instruistoj, laboristoj, oficistoj el dudeko da landoj. Kelkaj estis oficiroj aŭ soldatoj en siaj respektivaj armeoj naciaj. Aliaj estis rifuzantoj de militservo pro konscienco kaj eĉ multaj estis suferintaj monatojn aŭ jarojn en malliberejo pro tio.

Same kunlaboris amike Pierre Ceresole, militrezistanto, kaj lia frato kolonelo Ernest Ceresole, organizanto de la teknika parto kaj admiranto de la sincereco de l' frato.

Pri lingvoj estis babela turo kaj pluraj eklernis Esperanton surloke. Alexis Danan rakontas tion en sia novelo. Kion oni bezonus en tia entrepreno, tio estus venigo de Andreo Ĉe kaj ĉiutaga bona leciono de Esperanto kiel ripozo por la brakoj, ne vespere, kiam ĉiuj estas tro lacaj, sed pli proksime al mezo de l' tago.

Ĉiuokaze la helpservo admirinde sukcesis kaj ĉiutage redonis al la vilaĝanoj iom da savita tero, kiun ili tuj rekomencis kulturi. Ilia danko estis profunda.

Sed ne ĉesas la afero tie. Tia organizo de libervola helpservo daŭros kaj kreskos. Postan someron Pierre Ceresole entreprenis helpon al Grizona vilaĝo Feldis, kiu suferis alispecan malfeliĉon. Oni preparas novan entreprenon kaj diskutas planojn por aranĝi pretecon en okazoj de subita katastrofo ie ajn.

La celo estas duobla: unuflanke la rekta materia helpo, aliflanke la edukado de homoj al alia servo ol tiu mortigo. Anstataŭ ĵeti en malliberejon tiujn homojn, kiuj ne volas plu partopreni en militoj, estas certe multe pli saĝe kaj pozitive doni al ili eblecon utile helpi ceterajn en malfeliĉo kaj pruvi ke ili ne estas malkuraĝuloj kaj scias ankaŭ riski sian vivon eĉ en danĝeraj sindonoj.

Jam antaŭ trideko da jaroj la usona filozofo William James verkis pri tiu ideo tre belan studon: « Morala egalvaloraĵo al milito » (*Amoral equivalent for war*). Ni nomus tion « paca batalo ».

Fine Ceresole kaj liaj amikoj estas konvinkitaj ke nur bono kapablas venki malbonon kaj ili ŝatus pligrandigi la sekurecon de sia lando, ne per novaj armiloj, sed per libervola helpo al la najbaroj, esperante per tio ŝanĝi atmosferon kaj konstrui ĉe la landlimo muron de amikaj, eĉ dankemaj sentoj anstataŭ muron de malfido kaj armiloj. Tiun ideon salutas, ne nur militrifuzantoj, sed ankaŭ aliaj bonvolaj homoj, eĉ ankoraŭ kredantaj je neceso de naciaj armeoj.

Tio estas praktika idealismo kaj devus interesi Senatanon Ĉiraolo, prezidanto de la itala Ruĝa-Kruco, kiu fine sukcesis akceptigi ĉe la Ligo de Nacioj sian projekton pri reciproka interasekuro de ŝtatoj kontraŭ katastrofoj.

Ekzistas en la tuta afero nediskutebla ebleco por granda entuziasmo de pripensemaj kaj sindonemaj gejunuloj en la tuta mondo. Tiaj servoj certe atingas multon pli ol nuraj pripacaj kongresoj kaj paroladoj. Ni ne mirus se iam ĝi fariĝus tre vasta kaj potenca afero.


Pierre kaj Ernest CÉRÉSOLE.

Jam kelkaj ŝtatoj nordeŭropaj organizis pacan servon por militrifuzantoj. Tiaj leĝoj ankaŭ multiĝos kredeble, sed ili havas nur tre malgrandan signifon kompare kun ebleco de internacia servo, kiu ne konas landlimojn kaj povas reprezenti la homaran konsciencon de l' mondo, ne per vortoj, sed per agoj.

Tamen la tutan aferon ankoraŭ nun ĝenas tre serioze la lingva barilo. Absolute ĝi bezonas Esperanton kaj tion tre klare komprenas la fondinto. Pro tio li almetigis esperantan resumon aŭ tradukon de ĉiuj tekstoj kaj raportoj en la tre interesa libreto, kiun li eldonigis pri la tuta afero.

Ni varme rekomendas al ĉiuj esperantistoj ĝin venigi. Krom la tekstoj kaj esperantaj resumoj (tradukitaj de S-ro Rob. Kreuz), estas en ĝi tre bela artikolo de Pierre Ceresole en Esperanto, la klarigoj sub la ilustraĵoj aperas nur en Esperanto kaj la kovrilo titolas: *La libervola Help-Servo* (aĉetebla por unu svisa franko ĉe « Freiwilliger Hilfsdienst » Hinterer Gotterbarmweg 18, Basel, Svislando, mendoj povas fariĝi per poŝtĉeka konto V 9672 Basel).

La granda kulpo de la esperantistoj estas ĉiam veni tro malfrue. Kiam grandaj entreprenoj kiel Ruĝa Kruco aŭ Skoltoj jam aranĝis sian tutan internacian organizon per angla kaj franca lingvo, tiam ili ne plu interesiĝas pri Esperanto krom per teoriaj rezolucioj. Sed jen entrepreno *ĉe sia komenco*, kun fondinto komprenema pri la neceso de helplingvo! Estas ĝuste la tempo « kapti la okazon ĉe haro » kaj tuj helpi.

Se iam Esperanto fariĝos la oficiala lingvo de tiu pacarmeo, kiu plej ĝojos? Ĉu ne vi mem kaj la animo de Zamenhof, kiu tiom deziris ke ĝi servu al tiaj entreprenoj?

P.

# Ekspozicio Internacia de Higieno

*De Dr. med. h.c. Georg Seiring, direktoro de la Germana Muzeo de Higieno.*

Estas la granda merito de la Internacia Ekspozicio de Higieno Dresden 1911, kreaĵo de l' genia Karl August Lingner, esti montrinta novajn direktojn al la higiena popolklerigo. Unuan fojon en la historio de la ekspozicioj oni sukcesis prezenti la grandan sferon de la saneco zorgado en preskaŭ senresta kompleteco. La solvo de tiu tasko estis ebla per tio, ke oni aranĝis la ekspozicion laŭ objekta vidpunkto kaj ne laŭ ekspoziciantoj, kiel oni montris la rezultojn de scienca esplorado en ĝenerale komprenebla formo. La bilanco de la ekspozicio estis ideale kaj materiale same bona. Oni ofte komparas kun similaj entreprenoj la ekspozicion kaj la *Germanan Muzeon de Higieno.* La « *Jahresschau Deutscher Arbeit* » (« Jarekspozisio de germana laboro ») devas multe klopodi, por pretigi ion, kio respondecas al la faritaj progresoj.

La Germana Higiena Muzeo, estiĝinta el la ekspozicio 1911, prenis sur sin la taskon elmontri ĉion sur la kampoj de higiena klerigado kaj popoleduko. Saneco estas la plej valora posedaĵo de l' homo! Saneco estas la plej grava riĉaĵo de la popoloj! Saneco estas vivo-feliĉo por la individuo, ĝi estas forto por la ŝtato! Sed kiom memkompreneble al ĉiu estas tiuj frazoj, tiom malmulte oni agas laŭ ili. Ĉar daŭre oni pekas kontraŭ la saneco. El tio rezultas devige la neceso de prihigiena klerigo kaj eduko. La homoj devas esti edukataj al atento de la prisanecaj reguloj. Antaŭ ĉio ili devas koni propran korpon: nur kiu ekkonis la homan korpon en ĝia funkciado povas konduti laŭsanece en la diversaj vivcirkonstancoj. De tiuj ideoj eliris Lingner kaj la Germana Muzeo de Higieno.

Ĉar nur malmultaj homoj emas, per propra studado havigi al si la necesajn sciojn, devis esti eltrovata taŭga metodo, por kontraŭbatali la neinstruitecon en facile komprenebla kaj tamen impresa maniero. Tiu-ĉi problemo estas solvata de la Muzeo tiamaniere, ke ĝi instruas pri la homa korpo en formo de granda, vivanta bildolibro, en formo de grandioza ludilaro por plenkreskuloj. Ilustraĵoj, plastikaj bildaĵoj, moviĝantaj modeloj, objektoj, kiuj instigas la rigardanton funkciigi ilin, estas starigataj en la muzeo. Kvazaŭ ludante la vizitantoj havos la eblecon, akiri al si valoran scion. La metodoj de la muzeo estas laŭde rekonitaj en ĉiaj rondoj de vizitantoj okaze de la multaj migrantaj ekspozicioj, kiujn la muzeo aranĝis pri specialaj kampoj de la higieno en la en- kaj eksterlando.

La Higiena Muzeo, dank' al la financa subteno de la registaroj kaj de la urbo Dresden, en Majo 1930 povos inaŭguri sian novkonstruaĵon. Jam de longe oni havis la ideon, ligi kun la malfermo de tiu-ĉi centra instituto por saneca zorgado, iun grandstilan aranĝon. Oni pensis je granda kongreso aŭ internacia ekspozicio de higieno. Konsiderante la progresojn de l' higieno depost 1911, oni decidis aranĝi novan ekspozicion de higieno por la jaro 1930. Sed, por ne preterlasi la gvidan ideon de la « Jahresschau » nome la ĉiam ŝanĝantan ekspozicion, oni ne kreis gigantan ekspozicion kiel la « Gesolei » en Düsseldorf, sed limiĝis je severe fiksitaj fakoj: La *persona* kaj *publika higieno* kaj de la *korpaj ekzercadoj.*

La centro de la ekspozicio estos la Higiena Muzeo mem, kiu troviĝas meze en la ekspozicia tereno. Kiel ĉefan parton la muzeo montros la grupon « *La homo* » en tute nova maniero. Kio ĉi-tie estos montrata en bildoj kaj plastikoj, moviĝantaj modeloj kaj aparatoj por funkciigo per la rigardantoj, prezentos ion tute novan, de la ĝis nuna elmontro « La homo » tute diferencan bildon. Krom la « *travidebla homo* », tiu grupo jam montrita en diversaj ekspozicioj de la muzeo, estos ankaŭ efektivigita malnova ideo karesita de Lingner: montri la homon kiel teknikan majstro-verkon en formo ĝis nun nekutima. Aliĝe estos montrataj la grupoj « *Heredeco kaj Eŭgeniko* », « *La virino kiel edzino kaj patrino* », « *La doktrino pri nutrado* ».

Alia grupo « *Sano kaj malsano* » alportos facile komprenéblajn elmontrojn, kiuj instruas al la laiko, kiel li protektu sin kontraŭ malsanoj.

La grupo « *Higiena popolklerigo* », komuna laboro kun la « Regna komitato por higiena popolklerigo » resumos la spertojn de la lastaj jaroj sur tiu-ĉi kampo.

« *La sanecflegado en historio kaj etnografio* » estos la lasta grupo prezentata interne de la muzeo mem.

Por la ekspozicio estos uzata la tuta tereno de la ekspozicio 1911, kiun ŝtato kaj urbo metas je dispono ankaŭ nunjare. Novaldoniĝos la Higiena Muzeo kaj la iama princa parko, en kiu ĝi estas konstruita. La resto de tiu parko ne estos uzata por pluaj konstruaĵoj, sed servos kiel trankvila promenejo kaj ripozejo al la vizitantoj.

Najbare al la « *Stadiono* » trovos la grupoj « *Korpaj ekzercadoj* » kaj « *Higieno de laboro kaj metio* » sian lokon, proksime ankaŭ la grupoj « *La infano* » kaj « *La higieno de la psiko* ». En tiu laste nomita grupo estos efektivigataj la ideoj jam pripensitaj de la ekspoziciaj aranĝantoj en 1911: diri krom pri la *korpa* higieno ankaŭ ion pri la higieno de la *psika* homo. Unuan fojon oni faros la provon, prezenti la interrilatojn de la korpa kaj la psika vivo, la psikologiajn fundamentfaktojn kaj bezonojn de la homo en liaj rilatoj al la ĉirkaŭanta mondo.

La fremdaj ŝtatoj, el kiuj jam pli ol 20 definitive konsentis partoprenon, ne havos kiel en 1911 apartajn pavilonojn, sed estos unuigataj en grandioza « *Halo de la Nacioj* » sur preferata loko de la ekspozicia kampo.

En la malnova ekspozicia parko oni vidos la grupojn « Nutraĵoj », « Vestaĵo », Loĝejo », « *Kontraŭbatalo al infekcioj* », « *desinfekcio* ».

La ŝtona ekspozicia palaco estos je dispono al la *germana regno, la landaj registaroj, provincoj* kaj aliaj *korporacioj* kaj *organizaĵoj*, kaj oni priatentas, ke ĉiuj tiuj ekspoziciantoj ne montru la saman aŭ ion similan, sed ke ĉiu prezentu sian plej valoran materialon kiel modelo por la aliaj.

Speciale interesa estos la aparta grupo « *La malsanulejo* ». Ĝi servu, por doni imagon pri la eksterordinara evoluo de tiuj institutoj. Oni tiom progresis en la solvo de la tiurilataj problemoj ke estas tempo, resume elmontri tiun tiom gravan prizorgon publikan.

Kiel ĉe la sciencaj grupoj, kiuj formas la kernon de ĉiu halo, oni severe atentas, ke ili ne transiru la limojn de persona kaj publika higieno kaj de la korpaj ekzercadoj, tiel oni ankaŭ ne permesos transpason de tiuj limoj ĉe la industriaj ekspozicioj.

La scienca kaj industria partoj de ĉiu grupo ne estos aparte lokataj, sed la industrio ĉiam trovos sian lokon apud la scienca grupo. Tiamaniere ankaŭ la industria ekspozicio estas klare kaj facile ekkoneble aranĝata laŭ aferaj vidpunktoj kaj oni samtempe evitos tiel la impreson de foiro.

Jam estas fiksita aro da kongresoj dum la daŭro de la ekspozicio kaj en ĝia kadro. Tio garantias, ke ne nur la objektoj parolos al la vizitantoj, sed ke ankaŭ per la parolata vorto en multaj kunvenoj de scienca kaj praktika karaktero estos servata al la ideo de plejebla diskonigo de scioj pri higieno je la bono kaj beno de la homaro!

Trad. J. K.

# LITERATURO

## Stefan Zweig pri Romain Rolland

kun bildo de R. ROLLAND laŭ skulptaĵo de VOULOT.

Germano pri Latino, Aŭstriano pri Franco, sed samtempe Eŭropano pri Homarano, jen trafa libro de la konata verkisto Stefan Zweig pri Romain Rolland, kiu donis al ni novan studon pri Beethoven.

Tiamaniere flugas la homa penso trans bariloj de landlimoj kaj helpas konstrui al la mondo ĝian komunan intelektan hejmon.

La germanan originalon de Stefan Zweig tradukis en klaran kaj agrablan francan stilon Sinjorino O. Richez, edzino de konata esperantisto, kiu talente kunlaboris al nia gazeto. Ne nur bonan tradukon ŝi faris, sed eĉ bonan agon.



Efektive ekzistas en la mondo sufiĉe da antaŭjuĝoj inter diversnaciaj intelektuloj. Kiam oni trovas komprenon kaj admiron inter iuj aŭ aliaj, tio revarmigas la esperon, tiun blindan virinon, kiun Watts pentris sidante sur terglobo kaj tiklanta lastan kordon de rompita liro.

Ĝuste tio frapis Zweig, ke la fama Franco rifuzis sian penson al ordonoj de l' pafilo, eĉ dum milito, kaj suferis en propra lando multan insulton pro tio, ĉar iel ŝajnis, kvazaŭ li forlasis propran nacion.

Tamen, kiu vidis lin ĉiutage labori en la oficejo de la Internacia Ruĝa Kruco en Ĝenevo, skribadi leterojn al maltrankvilaj patrinoj, respondadi informojn pri perditaj filoj, vunditoj aŭ malliberuloj, tiu ja sciis kiom profunde li partoprenis la suferon de sia popolo. Sed lia koro ne povis ne kompati al doloro de l' ceteraj kaj lia konscienco ne povis ne protesti kontraŭ la granda krimo de l' mondmilito kaj la nekredeblaj mensogoj, kiujn ĝi propagandis ĉien. Dum interbatalis la korpoj de l' patrujoj, li sentis devon defendi iliajn animojn, ankaŭ minacatajn.

Hodiaŭ tiuj kruelaj jaroj jam apartenas al historio kaj Francujo ne posedas vivantan aŭtoron, kies verkoj estas pli vaste konataj kaj tradukitaj en ĉiuj lingvoj ol tiuj de Romain Rolland.

Rigardante lian tutan vivon, Zweig ĉefe rimarkas ĝian rektlinian unuecon, faritan el kuraĝa soleco kaj morala entuziasmo. Naskiĝinte la 29 Januaro 1866 en Clamecy, antikva urbeto de franca Burgondio, Romain Rolland havis pian katolikan patrinon kaj racieman patron el familio jam bone konata dum la granda revolucio.

Frue kaptis lin pasio al muziko de Beethoven kaj entuziasmo por dramoj de Shakespeare. Post studoj en Parizo kaj Romo, li ja fariĝis profesoro pri Historio de muziko en Ecole Normale kaj Sorbonne.

Neniu teatro interesiĝis tiam pri la historiaj dramoj, kiujn li verkis, kaj li spertis ĉiujn suferojn de literatura soleco. Konsolis lin lia korespondado kun Tolstoj, kaj lia persistema kuraĝo.

Dum dek jaroj li silente verkadis la sinsekvajn volumojn de «*Jean-Christophe*». En tiuj romanoj li priskribis la heroan batalon de l' artisto, balancata inter vokoj de l' animo kaj tentoj de l' mongajno, laboro kaj ĝuo, sincereco kaj plaĉo, amikeco kaj pasio. Jam tie lia penso ne toleris landlimojn kaj elektis germanan muzikiston baraktanta en franca urbego.

Multaj samnacianoj imagas Romain Roland kiel nuran internaciulon. Eble la verko de Stefan Zweig memorigos ilin pri la riĉa verkaro nacia de tiu aŭtoro: « *Saint-Louis* », « *14a Julio* », « *Danton* », « *La Lupoj* », « *Triumfo de l' racio* ». Du el ili estis prezentitaj dum lastaj jaroj kun granda sukceso.

Sed kion serĉas Rolland en tiuj heroaj scenoj? Ĉiam la samon, kiu priokupas lin dum tuta vivo: moralo, grandeco, venko de l' konscienco super ĉiuj delogoj de pasioj, ĉu fanatikaj, ĉu ambiciaj, kuraĝo resti fidela al interna lumo kaj justeco kontraŭ ĉiuj cirkonstancoj aŭ trudoj. Eĉ kiam li ne sukcesis, tiu serĉado konstante sentiĝas.

Krom tiu idealo, severa kaj alta, Zweig vidas ĉe Romain Rolland fratiĝeman homan komprenon. En liaj vivoj de Beethoven, Mikel-Anĝelo kaj Tolstoj, eĉ pli ol la genion, li serĉas la homon kaj kompatas lian suferon, ĉar li kunsentas ĝin.

Tion saman oni povas ankaŭ diri pri Zweig. Estas iel mirinde kiom profunde kaj delikate li penetras la internan vivon de Rolland kaj ĝin komprenas per simpatio.

Cetere ĉu oni povas ion ajn kompreni *vere* sen tio? Kredeble ne. Tiel la libro de Zweig estas nek tute subjektiva, nek tute objektiva, sed « alicentra ». Ĝi sonas kiel transporto de animo en alian kaj antaŭen marŝas kvazaŭ harmonia kanto el interno de la malkovrita templo. Kompreneble mankas en ĝi la tuta pristudo de l' fontoj de Rolland en propra lando kaj literaturo, sed kiel ĝuste la homo komprenis la homon!

Elokventan ĉapitron dediĉas Zweig al la sufero kaj kuraĝo de Romain Rolland dum la mallumaj jaroj de la milito.

Dank' al lia sinteno multaj germanoj lernis ne malami Francojn kaj multaj Francoj ne malami Germanojn.

Ili sentis la potencon de la voĉo, kiu solene vokis al eŭropaj popoloj, ke ili ne aldonu al la krimo de l' buĉado la pli grandan krimon de l' malamo:

« La homaro estas sinfonio de grandaj animaroj. Kiu ne kapablas ĝin kompreni aŭ ami alie ol per detruo de parto el ĝiaj elementoj, tiu montras sian barbarecon. Eŭropa elito, ni havas du hejmojn: nia patrujo tera kaj la alia, la regno de Dio. De unu ni estas gastoj de l' alia konstruantoj... La devo estas konstrui pli larĝe kaj pli alte super maljusto kaj malamo de l' nacioj la hejmon, kie devas kunveni la frataj kaj liberaj animoj en la tuta mondo... Mi scias ke tiaj pensoj havas malmultan ŝancon esti aŭskultataj hodiaŭ... Cetere mi n eparolas por konvinki, sed por faciligi mian konsciencon... Kaj mi scias, ke samtempe mi faciligos tiun de miloj da ceteraj, kiuj en ĉiuj landoj ne povas aŭ ne kuraĝas paroli. »

Iom post iom tamen alvenis al Rolland en Svislando leteroj de soldatoj el ĉiuj flankoj por lin danki, ĉar ili pensis same, eĉ oferante sian vivon brave. Post la milito li pacience respondadis centojn da ŝirantaj helpvokoj el ĉiuj landoj de l' mondo, redonante kuraĝon al seniluziigitaj junuloj kaj esperon al pesimistoj.

Pri tiu senlaca homa laborado kaj simpatiado, Zweig ankaŭ skribis unu el siaj plej belaj ĉapitroj. Poste li devis iom tro rapide analizi la postmilitajn verkojn de Rolland: CLÉRAMBAULT, la « *Unu kontraŭ ĉiuj* » kaj liajn novajn romanojn: *Annette et Sylvie, Somero, Patrino kaj Filo*, kie li prezentas la ribelon de l' virino kontraŭ sklavigo de ŝia animo. Li ankaŭ forgesis nek la du lastajn teatraĵojn pri franca revolucio: *La ludo de l' amo kaj morto* kaj *Leonidoj*, nek lian impresan atentigon pri Gandhi jam en 1922.

Prave miras Zweig pri la nelacigebla laborforto de la franca verkisto, kies lampo brulas malfrue en la nokto en lia rifuĝejo apud Villeneuve ĉe la ĝeneva lago. Tiam li pensas al la miloj da silentaj heroaj laborintoj en la tuta mondo:

« Tiu muta popolo, kies neesprimita konscienco nutras mian penson kaj ordonas mian volon. Tuj kiam estingiĝas la eksteraj bruoj, mi aŭdas ĝian korbaton en la nokto. »

Ke Stefan Zweig, anstataŭ paroli multe pri si mem, ame vivigis kaj klarigis eksterlandan aŭtoron al siaj legantoj, tio estas malofta merito, kiu ĵetas noblan lumon ankaŭ sur lian karakteron kaj certe sur lian psikologian kapablon.

Haltas tie la verko. Dum la du lastaj jaroj Romain Rolland turnis sian studemon al la grandaj pensuloj de moderna Hindujo kaj ĵus publikigis tri volumojn pri Ramakriŝna kaj Vivekananda, pri kiuj ni reparolos aparte. Ankaŭ lin priokupas la urĝa problemo de kompreniĝo inter Okcidento kaj Oriento.

Stefan Zweig majstre pentris tian vivlongan avidan serĉadon tra historio, vivo kaj arto por trovi heroajn karakterojn, kies bildo enblovu en popolanimon tiun sanktan fervoron, kiu brulas en li mem por la reĝeco de l' konscienco kaj unueco de l' homaro. Ŝajnas ke Rolland fine trovis ĉe Hindoj la plej altan respondon al tiu soifo.

R.

# Tra la Libraro

« Agendo de SESR-ano » (Pamjatka) estas poŝlibreto por rusaj anoj de la Soveta Esp. Unio, koncize informanta pri ĉio necesa por praktikanto: la movado, organizo, kotizo por centro, abono de gazetoj, lingva lerno, kursoj, korespondado, bibliografio, utilaj adresoj. La libreto estas soveta apliko de la antaŭmilita modela agendo « Neobxodimoe ob Esperanto » 1913. Simila libreto, nur en Esperanto, estus utila por eŭropa samideanaro, kaj alia por anaro de UEA. Tiurilate, niaj orientaj kolegoj estas pli progresemaj.

« Kiel devas labori ĉelo de SESR » — libreto de N. Incertov — estas detala ruslingva gvidilo por lo kaj grupoj de Soveta Ruslando, iom simila al la suprenomita verketo, sed pli vasta, kaj speciala « teorio de praktiko », aŭ « metodologio » de loka esperanta movado. Komunista propagando ĉi tie okupas pli gravan lokon, kaj nia lingvo preskaŭ malaperas post la bolŝevika disciplina agitado kaj edukado.

« Lingvo kaj Penso » de A. Andreev celas prezenti esencon de psikofiziologia proceso, nomata « lingvo », tra la prismo de la jafetida teorio de N. Marr, soveta akademio-lingvisto. Sur 100 etformataj paĝoj, kio egalas al 20 p. de nia gazeto, estas neeble popularigi tiun specialan kaj malfacilan teorion, kia ja estas la objekto de la libreto. Legantoj, kiuj ne estas jam preparitaj por kompreni lingvistajn studojn, renkontas ĉiupaŝe asertojn kaj faktojn, kies valoron ili aŭ ne kapablas taksi, aŭ devas akcepti per blinda fido. Ekzemple, sur la paĝo 21 ni legas pri iu antikva gento de Kolĥoj en praa Gruzio (Georgio, Kartvelio). Leganto-nefakulo kredos, fidante la aŭtoron, ke vere tiu gento ekzistis, ke la scienco posedas monumentojn aŭ antikvajn tekstojn rilatajn al tiuj Kolĥoj. Tamen, nenio tia estas. Ĝi estas nur fantazia elpensaĵo, bazita sur la landonomo Kolĥido, t.e praa Kaŭkazo. Ni havas motivojn por opinii ke la vorto *Kolĥis* estas helena formo de praa Kaukas (nuna Kavkaz), vorto kiu signifas *Montoj* kaj parencas al la hinda *Koh* (monto — en Koh-i-nur = monto del' umo), centrazia *Kuŝ* (Hindukuŝ), rusa *Kuŝa*, latina *Culmen*, franca *Colline*, germane *Kulm*, k.t.p. Kaj la verketo svarmas je tiaspecaj fantaziaĵoj, parte maltrafaj, parte eble ĝustaj, sed kies miksaĵo restas ekster kompreno kaj prijuĝo de ordinara leganto. Ni komprenas la celon de la eldonintoj: brile reklami sovetan lingvistikon, opozician al la burĝa. Sed, ĉu ne ekzistas unu sola vera scienco, al kiu pli aŭ malpli aspiras ĉiu serioza studanto, sendepende, aŭ eĉ tute ekster ia politika ideologio? La verkinto Andreev, kiu volas popularigi la teoriojn de Marr, ne estas lingvisto, nek filologo, nur... esperantisto, soveta esperantisto, kaj tio ne sufiĉas por trakti sciencan temon. Lastaj 15 paĝoj parolas pri nia lingvo, kiel ilo de klasbatalo. Zamenhof kaj Marr estas prezentataj kiel du genioj: unu solvis la problemon de mondlingvo, alia la problemon de lingva origino. En aparta artekreita atmosfero de sia lando, forbarita de la cetera mondo per altaj muroj, la verkinto ne povis (kaj eble ne volis) objektive rigardi la problemon de la lingvo ĝenerale, eĉ se lia scienca bagaĝo estus solida. Por lia pravigo ni tamen diru ke li akceptis malfacilan, trioble malfacilan taskon: unue prezenti la teorion de Marr, due prezenti ĝin populare, al nefakuloj, trie prezenti ĝin kiel apoteozon de komunisma dogmaro. Ni ne rajtas aserti ke iu el ni, eĉ plej talenta, kapablus tion fari pli bone ol la verkinto, al kiu ni fine estu dankaj, almenaŭ pro lia bonvolo kaj peno.

P. St.

## NOVAJ LIBROJ

*La Leono de Flandrujo* de HENDRIK CONSCIENCE. El la flandra lingvo tradukis H.J. Bulthuis L.K. Rekomendita de E.L.A. W.J. Thieme & Cie. Zutphen. Nederlando. 1929. 312 p., 15 ½ × 23 ½ cm. Prezo: 3,25 fl.; bind., 3,75 fl.

*Internacia Kantaro.* Muzika eldono. 4a-6a milo. Kolektita kaj prilaborita de PAUL BENNEMANN L.K. 1930. Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig, Esperanto-Fako. X + 154 paĝoj, 19 ½ × 13 ½ cm. — Prezo: 4.— RM.

*La du Amatinoj. La kapricoj de Mariano. Alfred de Musset.* Tradukis JAN VAN SCHOOR. Rekomendita de E.L.A. Eldonejo la « Verda Stelo », Julius de Geyterstraat 149/1, Antwerpen. 112 paĝoj, 14 × 18 cm. — Prezo: 2 belgoj.

*Internacia Teatraĵetaro.* Originale verkitaj teatraĵetoj de diverslandaj aŭtoroj. Belga Esperanto-Instituto, 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno, 48 p., 12×17 cm. Prezo: 1,25 sv, f.

*Kion volas Paneŭropa-Unio.* Esperantigis D-RO E. Sós. Eldonis Paneŭropa-Verlag, Wien. 16 p., 15 × 23 cm.

*Ruĝa Stelo.* Fantazia romano. A. BOGDANOV. El rusa lingvo kolektive tradukita sub redakto de N. NEKRASOV kaj S. RUBLOV. 1929. Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona Fako. Leipzig. 168 p., 12 × 17 ½ cm. Prezo: ne montrita.

*Zamenhof.* E. DREZEN. 1929. Zamenhof kaj Zamenhofa mondkoncepto. Zamenhof iniciatinto kaj teoriisto de la Lingvo internacia. Sennaccieca Asocio Tutmonda. Leipzig. 50 paĝoj, 13 × 18 cm. — Prezo: 0,70 mk.

*Bibliografio de Internacia Lingvo.* Historia sistema katalogo de filologia, lingvistika kaj poliglota literaturo pri universala alfabeto, filozofia gramatiko, signaro, gestlingvo, pasigrafio, internacia helplingvo kaj logistiko. 1929. Kompilis kaj komentaris P.E. Stojan. Bibliografia Servo de Universala Esperanto-Asocio, Tour de l'Ile, Genève. 560 paĝoj, 16 × 24 cm. — Prezo: 12,50 sv. Fr.

*La Hirundlibro* de ERNST TOLLER. El la germana lingvo tradukita de HELENE WOLFF, Kleve. Propra eldono. Ĉe « Heroldo de Esperanto » Köln, Germanujo. 64 paĝoj, 14 × 21 cm. — Prezo bindita: 2,40 RM.

*Das leichte Esperanto.* Lehrbuch für Anfänger. Jung und Wingen, 1929. Heroldo de Esperanto. Köln, Fako-Librejo. 88 paĝoj, 13 × 20 cm. — Prezo: afr. 1,10 RM.

*Mia dialogo kun poŝtestro.* A.P. ĈEĤOV. El rusa lingvo tradukis M. ŜIDLOVSKAJA. Biblioteko de Soveta P.T.T.-isto. 1929. Eldono de C.O.E.L., Poŝtkesto 701, Moskvo. 24 paĝoj, 11 × 15 ½ cm. — Prezo: 12 Kop.

*Granda en malgranda.* Esperanto kaj P.T.T.R. N. Modenov. Eldono de Centra Oficejo de Esperantistoj de Ligilo U.S.S.R. Ĉe Petro Filliâtre, 54 rue de Custine, Paris (18e). 80 paĝoj, 14 × 19 cm. — Prezo: 5 fr. fr. aŭ 0,20 dol.

*Kurs i Esperanto.* För självstuder och studiecirklar. I. Frits Linden, fil, lic. Uppsala Författarens Förlag. 82 paĝoj, 14 ½ × 21 ½ cm. — Prezo: 90 öre.

*Report of the international Congress of antimilitarist Ministers and Clergymen.* Unua internacia Kongreso de kontraŭmilitaj predikistoj. French, English, German, Esperanto. Amsterdam, 1928. 120 p., 15 ½ × 24 ½ cm. Prezo: 2 fr. sv.

*Esperanto raktas* (Ŝlosilo litova) I.C.K. Tour de l'Ile. Genève. 34 paĝoj, 7 ½ × 11 ½ cm. — Prezo: 50 centu.

*Torquay* (England). Ilustrita prospekto. (Teksto angla, germana, franca, Esperanto). Faldfolio 16 p., 11 ½ × 22 cm.

Pamjatka ĉlena SESR 1929-30. Izdanie CK. SESR Moskva 1930 (senpaga) IV + 40 p. 15 × 11 cm.

Kak Dolĵna Rabotatj Jaĉejka SESR — N. Incertov. Izdanie C.K. SESR Moskva 1930 (60 kop) IV + 120 p. 18 × 12 cm.

Jazyk i Myŝlenie. A.P. Andreev. Izdanie CK. SESR Moskva 1930 (60 kop.) IV + 107 p., 18 × 12 cm.

---

## Al forirantino

**I. Minulesku**

*Vi kredas ke ĝi estis vera amo...*
*mi kredas ke ĝi estis eta frenezeto,*
*sed iel scii kio estis, kia flamo*
*bruligis nin — al ni malestos la ebleco.*

*Ĝi estis ĉarma sonĝo iam travivita*
*de iu ĉe l' severa kaj ondanta maro,*
*la dolĉa kant' el fabellandoj alportita*
*per transmigranta, blanka kiel neĝ', birdaro.*

*La kant' malgaja alportita de maristoj*
*venintaj ial el Boston, Nov-Jork' kaj Porto,*
*la kant' malĝoja, kiun kantas la fiŝistoj*
*forbordiĝantaj kun la antaŭsent' de l' morto.*

*Kaj estis rekantaĵ' de iaj trioletoj*
*per kiuj, laŭ kutim', poeto el la nordo*
*la amon de l' koketaj lertaj virinetoj*
*elpetis iam ĉe blanka la fjordo.*

*Ĝi estis revo, verso, kaj da sentoj gamo*
*en kiuj restis divenebla la beleco...*
*vi kredas ke ĝi estis tute vera amo?*
*Mi kredas ke ĝi estis nur frenezeto.*

El rumana:
Stefan HIPERIONOV (†)
Kiŝinevo.

**Gajaj Horoj por Esperantistoj --**

*56 PAĜA LIBRO ENHAVANTA :*

80 elektitajn spritajojn.
20 bonhumorajn anekdotojn.
50 enigmajn ŝercdemandojn.
50 amuzajn preserarojn.
50 esperantojn vortludojn.

**Prezo : Afrankite 0.55 Gmk aŭ 2 respondkuponoj.**
**C. WALTER, Berlin W 10, Germanujo,**
**Hohenzollernstr. 11.**



## TRA LA MONDO ESPERANTISTA



# La Kongresurbo Oxford

Oxford kuŝas en agrikultura distrikto de Anglujo, proksimume 100 km fervoje de Londono kaj samdistance de la gravaj provincaj centroj Birmingham kaj Bristol. En si mem ĝi ne estas metropola urbo kaj aparte de la monda famo al ĝi donita de la universitato, ĝi estas nur unu el la multaj komercaj kaj administraj centroj dissemitaj tra la lando. Sed ĝuste tiu ĉi universitata rango donas al ĉi tiu provinca urbo kun ĝiaj 60.000 loĝantoj, apartecon rilate al kulturaj kaj arkitekturaj aferoj, kiuj ĝin distingas de la plimulto el samgrandaj lokoj. Tio ĉi signas ĝin kiel taŭgan lokon por Universala Kongreso de la studentoj. (Parenteze, oni ne atendos trovi multajn el la 4.000 studentoj en la urbo dum monato Aŭgusto). Kelkaj kongresanoj havos okazon vidi pitoreskan parton de la Tamiza Valo dum unu el la tuttagaj ekskursoj (anoncotaj de la Loka kongresa komitato), kaj aliaj povos vaporboati aŭ remi sur la rivero apud Oxford mem. En ĉi tiu regiono la anglaj riveroj estas trankvilaj kaj malrapidaj, malsimilante al la bruemaj riveretoj en aliaj partoj de la lando.

La Universitatoj de Oxford kaj Cambridge diferencas de aliaj anglaj universitatoj pro tio, ke ili fondiĝis ne en moderna tempo sed en Mezepoko, kaj ke, rezulte de tiu fakto, ili evoluis laŭ speciala maniero. Ambaŭloke la universitato, kvankam la



*Panoramo de Oxford, el la turo de Kolegio Magdalen.*

de Esperanto, despli, ĉar eĉ por Kongresanoj kiuj ĝin vizitas kvazaŭ nur turiste, ĝi prezentas multe da intereso kaj allogo. Ĉiuj trovos en la urbo mem, kun ĝiaj belaj Kolegiaj kaj aliaj konstruaĵoj kaj ankaŭ en la pitoreska kamparo ĉirkaŭe, ĉarman libertempon por refreŝigi menson kaj korpon. Eĉ se, pro la milda atmosfero de la urbo, malalte lokita sur malrapide fluanta Tamizo, kelkaj iom dormemiĝos, la plena programo de kongresaj kunvenoj kaj ekskursoj havos kontraŭan influon.

Tamizo, ĉe Oxford ofte nomata laŭ alia antikva nomo Isis (*elp. Aj'sis*) ĉi-tie ricevas enfluanton, la Cherwell (*Ĉar'ŭel*) aŭ populare *Ĉar*. Ambaŭ riveroj estas mallarĝaj, ĉar Tamizo, eĉ ĉe Londono, ne estas granda laŭ kontinentaj normoj. Sed la Isis taŭgas por servo de vaporboatoj kaj por la remsportoj reganta aŭtoritato kaj la sola kies diplomoj kaj honoroj gravas en la ekstera mondo, estas preskaŭ (krom pri siaj kelkaj konstruaĵoj) neobservebla por la ordinara vizitanto; la elstaraj vidindaĵoj estas la « Kolegioj » proksimume 20, kiuj fondiĝis plejmulte kaj grandparte konstruiĝis antaŭ kelkaj jarcentoj. Ili prezentas varioplenan kaj tre allogan kolekton da arkitekturaj interesaĵoj, donante al la urbo ĝian apartan karakteron — ĉar, rilate al la ofte mallarĝaj kaj iom nerektaj stratoj, Oxford similas multajn aliajn anglajn urbojn. La kolegioj estos plidetale priskribataj en la kongreslibro; kaj ĉi tie devas sufiĉi diri ion pri ilia funkcio. Studento en Oxford nepre devas membriĝi al la universitato, sed la plimulto de la studentoj laŭ propra elekto aŭ aliaj cirkonstancoj (ekz. la gajno de stipendio)

apartenas al unu aŭ alia el la kolegioj; lia kolegio do, fariĝas por li kvazaŭ centro de aparta intereso. Li povas aliĝi al la kulturaj kaj sportaj kluboj de sia kolegio (estas tamen ankaŭ universitataj kluboj kiuj por sportoj akiras la plej spertajn junulojn kiel membrojn), kaj li ricevas de la kolegio helpon en la direktado de siaj studoj, ĉu aŭ ĉu ne, li sekvas kursojn ĉe la kolegio mem aŭ ĉe aliaj, aŭ ĉe la universitataj profesoroj. Sed fine antaŭ ol licenciatiĝi, li devas subiri la ekzamenojn de la universitato. Multaj studentoj loĝas en la kolegiaj konstruaĵoj, sed pro manko de ĉambroj, aliaj loĝas en privataj domoj, tamen restante membroj de siaj kolegioj kaj ĝuante ties avantaĝojn.

La virinaj studentoj, proporcie malmultaj nun ĝuas en Oxford kiel ĉiuokaze ĉe la dek modernaj anglaj universitatoj, plenajn rajtojn rilate al la universitataj ekzamenoj kaj diplomoj, kaj estas subigataj al ties reguloj. La plimulto estas membroj de iu el la kelkaj virinaj kolegioj, kaj loĝas en tiuj. Sed estas ankaŭ aro de tielnomataj « hejmstudentinoj », kiuj loĝas en privataj domoj. Por ambaŭ seksoj estas necese loĝi, dum la fiksitaj trimestraj periodoj, interne de certa limo, ĉirkaŭ 4 km de la centro de l'urbo. Alie la gejunuloj ne povas esti oficiale studentoj de la universitato aŭ ricevi licenciatajn diplomojn. La normalaj kursoj por fina diplomo ĉe Oxford daŭras kvar jarojn por la pli altaj specialistaj diplomoj (la honoraj), kaj tri jarojn por ordinara diplomo. Sed diplomitoj de aliaj universitatoj povas mallongigi la tempon.

La universitato havas sian propran estraron, kiu nur en kelkaj difinitaj rilatoj povas sin koncerni pri la aferoj de la kolegioj, kvankam ĝi postulas ke ties studentoj sekvu ĝiajn ordonojn pri diversaj aferoj. La kolegioj fakte estas apartaj fondaĵoj ĉiu kun propra ĉefo kaj « Fratuloj » (kleruloj kiuj ricevas diversajn privilegiojn, ankaŭ ofte havas oficojn kiel lektoroj, profesoroj k.a., kaj formas la ĉefan parton de la kolegia estraro). Ĉiu kolegio administras siajn proprajn financon kaj bienojn (ofte grandaj, kaj ne ĉiam apud Oxford) kaj donas al merit'aj junuloj stipendiojn kaj aliajn avantaĝojn. Plejparte la kolegioj estis fonditaj per la bonfaremo de nobeloj, reĝoj kaj riĉaj privatuloj, sed unu aŭ du el a plimodernaj estis fonditaj de kvazaŭ filantropaj organizaĵoj. Estas ankaŭ en Oxford diversaj teologiaj kaj aliaj kolegioj, ne rilatantaj oficiale kun la universitato.

Kvankam malnova, Oxford ne estas inter la plej antikvaj urboj de Anglujo. Ĝia konata historio datiĝas nur de la deka jarcento. Tamen, eĉ tio igas ĝin pli malnova ol la universitato. En tiu tempo oni skibis lo nomon *Oxnáfordo*, kaj poste *Oxenefordia* kaj *Oxenford*. Oni supozas la nomon derivita de *Oxen* (t.e bovoj) kaj *ford* (rivera trapasejo). Kelkaj spertuloj dubas pri la unua silabo, sed oni akceptis la klarigon por la urba blazono, kie heraldike aperas bovo marŝanta sur akvo. Laŭ la angla kutimo redukti finsilabojn de multaj vortoj al preskaŭ nur konsonanta sono, oni elparolas la nomon *Oks'fd*. Tio ne malhelpas ke angloj facile komprenu la formon *Oksfordo*.

Oxford ludis rolon en la angla historio kaj eĉ la nacia parlamento unu — du foje kunvenis tie en pasintaj epokoj. Je unu periodo, la universitato akiris tiom da influo kaj potenco ke kvereloj okazis inter ĝia estraro kaj la urbanoj. Sed nuntempe kvankam la universitato ĝuas iujn privilegiojn, la interrilatoj estas amikaj kaj pacaj, kaj ĉiuj kunlaboras por la komuna bono. Estas interese mencii, ke unu el la plej eminentaj studentoj ĉe Oxford en antaŭaj tempoj estis Kardinalo Wolsey, la fama kanceliero de Henriko VIII, en la 16a jarcento. Li estis filo de viandvendisto en orienta Anglujo kaj do ekzempligas la fakton ke tiam, kiel hodiaŭ, la universitato ne koncernas sin pri rango de siaj lernantoj, sed akceptas ilin el ĉiuj klasoj kaj aljuĝas senpartie siajn honorojn.

VERDANO.




**Bulteno No. 3.**

*Adreso por leteroj:* Sekretario, 22a Universala Kongreso de Esperanto, 142 High Holborn, London, W.C. 1, Anglujo.

*Donacoj:* La L.K.K. volonte ricevos donacojn por ebligi, ke blinduloj partoprenu la Kongreson. Jam ricevita: £11, 0ŝ 0p. F-ino « Sennomulino » jam promesis donaci al la Komitato cent specimenojn de anglaj manfabrikaĵoj por vendo dum la Kongreso, por helpi al ĉi tiu kaso.

*Ekskursoj Postkongresaj:* La Londona Esperanto-Klubo aranĝas Postkongreson en Londono, pri kiu ni publikigos detalojn en venonta numero. Krom tio, la L.K.K. aranĝas ekskurson al la belega angla laga regiono, al Devon (la angla Riviero), kaj al la insulo Wight. Oni dissendos ĉiujn detalojn kaj mendilojn kun la loĝmendiloj, espereble en februaro.

*Fakaj kunvenoj:* Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

*Fervojrabato:* Ĉiu kongresano ricevos rajtigilon por revenbileto, de iu ajn brita fervoja stacio aŭ haveno al Oxford, po unudirekta prezo plus triono. Zorge notu, ke tiu privilegio validos nur de la 1-a ĝis la 11-a de aŭgusto, kaj nur por reveno al la deira urbo.

*Garantia Kapitalo:* La L.K.K. zorge penos eviti ian financan deficiton, sed por certigi kontentigan bilancon, ĉi tiu kapitalo estas fondita. Sumo jam garantiita: £81: 10ŝ: 0p.

*Glumarkoj:* Belaj kongresaj glumarkoj (kiujn desegnis S-ro W.H. Matthews, Radio-Redaktoro de *International Language*, estas haveblaj. Prezo por cent, unu ŝilingo brita.

*Kongreslibro:* La L.K.K. esperas dissendi la kongreslibron al ĉiu kongresano je la fino de junio.

*Kotizo:* Por ĉiu kongresano senescepte: 20 ŝilingoj britaj (proksimume 20 germanaj ormarkoj, 25 svisaj frankoj, 125 francaj frankoj, 12 nederlandaj guldenoj, 5 usonaj dolaroj). Estas oportune sendi la kotizon per brita ŝtata monbileto por unu funto sterlinga, havebla ĉe bankoj kaj monŝanĝejoj en ĉiuj urboj. Oni sendu la kotizon (per registrita letero) antaŭ la 1-a de julio. *Post tiu dato la kotizo estos* 30 *ŝilingoj.* Aliĝu tuj kaj helpu la laboron de la L.K.K.

*Kotizo por Infanoj:* Por infanoj, kiuj ne havas pli ol 15 jarojn, la kotizo estas 5 ŝilingoj britaj.

*Help-Kongresanoj:* Tiuj, kiuj ne povas ĉeesti la Kongreson, povas tamen aliĝi kiel help-kongresanoj po 10 ŝilingoj. Ili ricevos la kongres-insignon kaj dokumentojn post la Kongreso.

*Koncertoj:* La L.K.K. danke ricevos kaj zorge konsideros fruajn proponojn deklami, kanti, ludi, k.t.p., ĉe kongresaj koncertoj.

*Magistrata Akcepto:* La Urbestraro de Oxford jam promesis gastigi la kongresanojn unu vesperon dum la semajno, kaj la Urbestro oficiale bonvenigos la Kongreson al Oxford dum unu el la oficialaj kunsidoj.

*Provizora Programo:* La L.K.K. jam starigis skeletan programon; ĉi tiu estas kompreneble eventuale ŝanĝota.

| | |
|---|---|
| SABATO 2. Aŭgusto. | Kunsido de I.C.K. |
| posttagmeze : | Kunsido de la Ĝenerala Estraro. |
| vespere : | Urbestra gastigo al la kongresanoj. |
| DIMANĈO— | |
| matene : | Diservo. |
| | Fotografo de la kongresanoj (oni aranĝos fotografi la ĉeestantajn anojn de la 7a Kongreso en Cambridge). |
| posttagmeze : | Kunsido de K.R. |
| vespere : | Malferma Kunsido. |
| LUNDO— | |
| matene : | Unua Laborkunsido. |
| posttagmeze : | Malfermo de la Somera Universitato |
| | Fakaj kunvenoj. |
| vespere : | Naciaj kostumdancoj. |
| MARDO— | |
| matene : | Kunveno de U.E.A. |
| posttagmeze : | Somera Universitato. |
| | Fakaj kunvenoj. |
| vespere : | Publika propaganda kunveno. |
| MERKREDO— | |
| matene : | Dua Laborkunsido. |
| posttagmeze : | Somera Universitato. |
| | Fakaj kunvenoj. |
| vespere : | Teatraĵoj por duono de la kongresanoj. |
| | Koncerto por alia duono. |
| ĴAŬDO— | |
| matene : | Tuttagaj ekskursoj : |

(*a*) Vizito al la reĝa kastelo Windsor kaj ekskurso sur Tamizo per specialaj ŝipoj. Prezo, kun lunĉo kaj temanĝo, 16ŝ. Op.

(*b*) Ekskurso per aŭtomobiloj al Banbury, Kenilworth, Warwick, Stratford-on-Avon kaj Broadway. Prezo, kun lunĉo, 13ŝ. Op.

(*c*) Ekskursoj per aŭtomobiloj al Newbury, Andover, Salisbury, Stonehenge, Marlborough kaj Wantage. Prezo, kun lunĉo, 13ŝ. Op.

(*ĉ*) Ekskurso per aŭtomobiloj al Cirencester, Stroud, Gloucester, Cheltenham, North Leach kaj la montetoj Cotswold. Prezo, kun lunĉo, 12ŝ. Op.

vespere: Teatraĵo kaj koncerto (kiuj vidis hieraŭ la teatraĵon, tiuj hodiaŭ vidos la koncerton, kaj inverse).

| | |
|---|---|
| VENDREDO— | |
| matene : | Tria Laborkunsido, Vespere : Balo. |
| SABATO— | |
| matene : | Ferma Kunsido. |

*Statistiko:* Anglujo, 112; Belgujo, 6; Danujo, 1; Francujo, 4; Germanujo, 16; Hispanujo, 1; Irlando, 1; Japanujo, 1; Kimrujo 2; Nederlando, 3; Polujo, 2; Saar-Teritorio, 1; Skotlando, 19; Svislando, 1. *Entute:* 170 *el* 14 *landoj.*

(*Int. Language*) Februaro. C. C. GOLDSMITH, *Sekretario.*

ILUSTRITAN Karakterizaj Japanujo kaj P rezaron pri roduktajoj de oŝtukoj por
Esperantistoj senpage postulu de
**DAIKOKUYA & K-IO, NAGOYA**
P. O. Box 11, Akatsuka, Japan.

## En kelkaj linioj...

La viena porpopola ĵurnalo « Das Kleine Volksblatt » (La Malgranda Popolĵurnalo), Wien, VII., Bandgasse 28, anoncis premion da 100 aŭst. ŝilingoj en oro por la plej bona traduko de la teksto de la aŭstria nacia himno. Kiu deziras havi la kondiĉojn, tiu skribu al la redakcio kaj aldonu 2 respondkuponojn.

Sveda telegrafa estraro kaj la Direkcio de l' tramvojo en Stockholm komencis kursojn de Esperanto por faciligi al fremduloj la viziton de l'ekspozicio 1930. — Mn.

— Baldaŭ aperos « Tutmonda Kolektanto » filatelia gazeto, ĉiudumonate. Abonprezo ½ dolaro usona kun rajto de senpaga anonceto. Adreso: D-ro Jozefo Takács, Del. de UEA, Nagymaros, Hungarlando.

— La Brita Esperantista Asocio organizis dum la lasta somero du internaciajn libertempojn. Ili tiel bone sukcesis, ke ĝi aranĝis tri tiajn por la nuna jaro.

La unua okazos en Le Havre, Francujo, dum la paska semajnfino, samtempe kiel la franca nacia kongreso.

La dua okazos en Oostduinkirk-sur-Mer, Belgujo, kie tiel bone sukcesis unu el la lastjaraj libertempoj.

En Como, Italujo, okazos la tria, de la 26a de Aŭgusto ĝis la 3a de Septembro. Dum kelkaj el tiuj tagoj ankaŭ okazos la Itala Nacia Kongreso. Krome oni aranĝos ekskursojn al la plej vizitindaj lokoj en tiu regiono.

Detalojn oni povas ricevi de la Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, London, W.C. 1. kontraŭ internacia aŭ U.E.A. respondkupono.

— Ĉe la mondkongreso de inĝenieroj en Tokio Oktobro-Nov. 1929 prezentis raporton pri novaj personvagonoj S-ro Osaka en Esperanto kun angla resumo. Li mem uzis nian lingvon por vojaĝi tra Eŭropo kun helpo de UEA Delegitoj.

— Ĉe la ĉiujara konferenco de la Nacia Unio de Instruistinoj en Canterbury, Januaro 1930 oni akceptis unuanime la jenan rezolucion:

« Kredante, ke la kresko de internacia kompreno dependas de pli intima kaj senpera interŝanĝo de ideoj inter la popoloj de la mondo, ĉi-tiu konferenco opinias, ke oni devus alpreni kaj instrui helpan lingvon kiel duan lingvon en ĉiuj lernejoj. »

## Konvinka pruvo

Sian taŭgecon en kampo ĝis nun malmulte kulturita pruvis Esperanto ĵus plej konvinke. Granda verko de la norvego Odd Arnesen pri la polusa flugo de la aerŝipo « Italia », impona volumo kun multaj ilustraĵoj, aperis en ĉeĥa traduko de Otto Ginz en la granda eldonejo Orbis Praha. La tradukon ebligis Esperanto.

La titolo kaj speciala antaŭparolo klarigas la devenon de tiu eldonaĵo. La ĉeĥa traduko estis farita laŭ la esperanta manuskripto, kiun por tiu celo faris Jens Schjerve en Oslo. Laŭ la sama teksto estis farita ankaŭ japana traduko.

Estas laboro ĝis nun ne ofte renkontita, eble la unua de tia speco kaj en tiu amplekso. Rezulto estas modela traduko kaj unuaranga propagandilo por nia lingvo.

Informo por multaj demandintoj post apero de la Behounek-intervjuo en la julio-aŭgusta numero: Esperanta teksto de la supra verko ekzistas provizore sole en manuskripto kaj oni ne povas ankoraŭ diri ĉu ĝi estos eldonita libre.

# Gazetaro kiel grava rimedo por disvastigi Esperanton

Mi ne parolas pri la Esp. gazetoj, sed pri taggazetoj, revuoj kaj aliaj neesp. periodaĵoj. Ne estas nova vero ke per helpo de la gazetaro nia movado povas progresi. Mi volas komuniki spertojn, kiujn havis granda germana ĵurnalo kun ĝia dum preskaŭ 4 monatoj (unufoje posemajne) aperigita Esperantokurso, kaj la konkludojn por ni.

La koncerna gazeto estas burĝa, nacia kun ĉ. 60000 abonantoj. Kelkaj monatoj antaŭ ol ĝi komencis aperigi la kurson, ĝi aperigis kelkajn grandajn artikolojn germanlingve pri la valoro, la disvastigo kaj la antaŭvidebla estonteco de Esperanto. Krom tiuj, ĝi aperigis de kazo al kazo en diversaj specialaj partoj de la gazeto malgrandajn novaĵojn pri Esperanto : ekzemple en la radioparto la progresojn de Esperanto tiurilate, en komerca parto Esperanto kaj komerco, en felietona parto pri parolanta filmo kaj Esperanto. Tiamaniere la legantaro estis sufiĉe interesigita kaj nun komencis sur bone preparita kampo la semado : la kurso mem.

Ĉiusemajne unufoje, je difinita tago aperis daŭrigo de la kurso. Kvankam la abonantaro de la ĵurnalo apartenas al rondoj ne favoraj al Esperanto, ne venis al la redakcio unu plendo aŭ kritiko pri la kurso. Sed alvenis — kvankam ne multaj — skribaj laŭdoj kaj buŝaj. Kiam la kurso finis, kelkaj partoprenantoj petis la redakcion aperigi tekstojn por pliperfektiĝi. Surprizite pri la sukceso, la ĵurnalo plenumis tiun peton. Laŭ redakcia instigo, la partoprenintoj povis ensendi skribajn taskojn. Perfekta esperantisto, kiu estis je dispono korektis la taskojn. Rericevinte ilin la lernantoj vidis la staton de siaj konoj kaj perfektiĝis per la klarigitaj malĝustaĵoj. La redakcio aranĝis ankaŭ skriban konkurson kaj premiis la plej bonajn alsendaĵojn.

Partoprenis la konkurson 8 personoj. Tiu nombro ne estas granda, sed, kaj tiu estas grava kaj surpriziga afero, preskaŭ ĉiuj posedis Esperanton vere bone, kelkaj eĉ bonege. Inter ili estis personoj, kiuj diris, ke ili antaŭe nenion sciis pri Esperanto. La profesioj de la partoprenantoj estas : oficistoj, instruisto, desegnisto, inĝeniero kaj 3 junuloj. Nur du aŭ tri iom lernis alian fremdan lingvon. Do, oni povis konstati, ke estas eble, sole per gazeta Esp. kurso lerni la lingvon. Tre interesa rezultato de la ĵurnala kurso estis la fakto, ke depost kiam la gazeto komencis aperigi artikolojn kaj kurson, ĉiuj aliaj ĵurnaloj en la urbo (katolika, socialista kaj komunista) aperigis kaj aperigas legaĵojn pri Esperanto. La socialista aperigas ankaŭ esperanto-angulon regulan.

Nun kelkajn direktivojn por samideanoj, kiuj volos labori en la ĵurnala kampo. Unue estas nepre necese, persone koni redaktoron de ĵurnalo. Al li oni montru la eltranĉaĵojn de ĵurnaloj, kiuj jam aperigis Esp. angulon (Ekzemple la « Saarbrücker Zeitung » en Saarbrücken (Saarteritorio) aperigis bonimpresan Esperanto-angulon. Ĝi volonte sendos provnumerojn al petantoj.) Oni rakontu al la redaktoro la sukceson, sed ne silentu pri la malfacilaĵoj. Se la redaktoro ne povos lerni Esperanton, tiam oni certigu lin, ke Esperantisto akceptos la taskon, korekti skribaĵojn kaj kompostaĵojn. Konsilinde estus, se la naciaj Esperanto-asocioj zorgus pri matricaj kursoj. Ekzistas matrica kurso de la Germana Esperanto-Asocio kaj laŭ mia scio ankaŭ en aliaj naciaj asocioj.

Granda ĵurnalo certe ankaŭ ne hezitos mem aĉeti Esperanto-literojn. En Germanujo kostas tuta Esperantoliteraro ĉ. 150-200 Mark.

Nun kelkaj konkludoj : Se ni konsideras, ke miloj da ĵurnaloj kaj revuoj en la tuta mondo aperigus kurson, oni vere povus dum mallonga tempo interesigi milojn al Esperanto. Estus pruvita, ke ne nur la ok personoj, kiuj ensendis konkursan taskon estis la fruktoj de la laboro de la redakcio menciita, sed laŭ konstato certa, multaj abonantoj eltranĉis ĉiun daŭrigon, lernos poste, kiam la tempo estos pli konvena por ili. Diversaj Esperanto-instruistkursoj, kiuj dum la gazeta kurso funkciis, profitis ankaŭ per la ĵurnala kurso, ĉar la gekursanoj havis la eblecon hejme pliperfektiĝi. Kaj fine estas granda la ĝenerala impreso, kiun faris la tuta afero ĉe la legantoj de la ĵurnalo, ankaŭ ĉe tiuj personoj, kiuj ne havis la emon aŭ energion lerni aŭ finlerni laŭ la kurso. Por ĉiuj multmiloj de legantoj de tiu ĵurnalo la lingvo Esperanto estas memkomprenebla fakto hodiaŭ en nia moderna vivo. Ĉu tiu apuda sukceso de la kurso ne estas grava ?

C. Sch.

# LINGVAJ STUDOJ

## Pri " UNU "

Pri la titolo de literaturaĵo « Unu viro » ni ricevis indignan proteston: Kial toleri tiel gravan eraron? La titolo devus esti « Viro » tute simple kaj « unu » estas nura mistradukaĵo.

Tio estas opinio persona, sed ne la nia. Laŭ nia kredo, la tradukinto intencis indiki la ideon, ke troviĝis sur la nomita ŝipo nur unu viro tiel sindonema, ke li kuraĝis riski sian vivon por flegi tifulojn.

Ĝi estas tute alia afero ol simple diri « Jen Viro », kio tiam simple signifus, ke la heroo meritas tiun titolon sen ia ajn priokupo, ĉu li estas aŭ ne la sola tiel kuraĝa inter la pasaĝeroj.

La tuta ekzemplo estos pli klara, se ni supozas pri tri homoj anstataŭ unu. La infektita ŝipo sendas helpsignalojn. Post flustrado kaj diskutado inter la pasaĝeroj de l'alia, fine anonciĝas tri kuraĝuloj, pretaj sin oferi. Ĉu vi titoligos la rakonton « Jen Viroj! » aŭ « Tri viroj »? Tio dependas de tio, ĉu nur la eco vira — cetere ĝi estas ĝenerale virina — interesas vin por la titolo aŭ ĉu vi deziras ankaŭ insisti pri la nombro.

Estas ja vere, ke singardemaj pri « unu » devas esti tiuj uzantoj de Esperanto, kiuj en sia gepatra lingvo posedas la saman vorton « unu » por montri la ciferon kaj la nedifinan artikolon, kion ni esprimas en internacia lingvo per foresto de artikolo. Ekzemple la franca lingvo diras *un homme* por « homo » kaj ankaŭ por « unu homo », dum la angla diferencas inter *a man* kaj *one man*.

Sed se temas pri multenombro, tiam ĉiuj lingvoj posedas diferencajn vortojn por la ciferoj kaj por la nedifina artikolo. Vidu france « des hommes » kaj « trois hommes » aŭ angle senartikole (kiel en Esperanto) « men » kaj « three men ».

Tial plej bona konsilo en okazo de dubo pri uzo aŭ ne-uzo de « unu » estas supozi alian ciferon. Se temas ekzemple pri trio, restos jam nenia dubo, ĉu la senco postulas diri « viroj » aŭ « tri viroj ». Tiam la sama aplikiĝu al « viro » aŭ « unu viro ».

P.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jena samideano. Al la familio ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

La morto de Generalo Sebert nin ĉiujn plenigas je sentoj de doloro kaj malĝojo, kaj ni sincere konsentas kun la esprimo de niaj kondolencoj, kiun prezentis en la nomo de la esperantistaro la ICK al la familio de l' mortinto per jena letero:

Tre estimata familio,

ni ĵus eksciis kun granda ĉagreno pri la morto de nia altestimata samideano s-ro Generalo Sebert.

Ne nur nia komitato, sed la esperantistoj de la tuta mondo priploras la perdon de granda laboranto por Esperanto.

Dum longaj jaroj Generalo Sebert estis unu el la ĉefgvidantoj de nia movado. Laboremo, energio kaj malavaremo distingis lin en niaj vicoj. Nelacigeble, ja obstine li pledis ĉie por Esperanto kaj precipe en la unua epoko de l' publika propagando faris netakseblajn servojn al Esperanto per interesigo de la eminentularo kaj de l' registaroj. Lia organiza kapablo donis al ni la unuan bazon por vasta internacia organizo de nia fortoj, direktataj de centra gvida institucio de la Esperanto-movado, hodiaŭ reprezentata de nia komitato. La sorto de la movado en Francujo estis ĉiam intime ligita kun lia persono. Antaŭ ¾ jaroj nia komitato havis la plezuron kaj honoron, esprimi al li sian dankon por lia servado per dediĉo de honora medalo.

Vortoj preskaŭ ne ebligas esprimi la doloron sentatan de ni. Kortuŝite ni staras apud lia tombo kun dankemeco kaj admiro pro lia fideleco al nia afero. Generalo Sebert ne ĝisvivis la venkon de Esperanto, sed li povis ankoraŭ sekvi ĝiajn mirindajn sukcesojn, por kies atingo ankaŭ li donis sian amon kaj entuziasmon. Li nun forlasis nin. Sed lia persono restos ĉe ni neforgesata por ĉiam. Plenrespekte ni ĉiam memoros pri li, la kuraĝa batalanto por granda homana idealo. — R. I. P.

Ni petis nian francan membron, s-ron M. Rollet de l'Isle, eksgeneralinĝeniero-hidrografo de la Franca Marino, en nia nomo honorigi la karan mortinton okaze de la enterigo.

Al vi, estimata familio, ni permesas al ni, sendi samtempe nian koran kaj profundan kondolencon.

Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado
John Merchant, prez. R. Kreuz, Gen. Sekr.

---

S-RO PROF. STANISLAV STEJSKAL, en Praha 27. 12. 1929. — Post kelktaga malsano, ŝajne negrava, mortis subite prof. Stejskal, malnova membro de UEA. Li dediĉis dum multaj jaroj ĉiujn siajn fortojn por progresigo de nia movado, ĉefe pro idealaj motivoj. Ĉie helpante, kiam temis pri venko de bono, li sciis tamen resti praktika laboranto sur reala bazo. Profesoro Stejskal estis homo de plej altaj moralaj kvalitoj kaj ĉiam diligenta kaj sukcesa laboranto. Blindula movado esperantista perdas en li unu el siaj ĉefaj gvidantoj. Institucioj de granda signifo por blinduloj: la universalaj kongresoj blindulaj, la Internacia Blindula Informejo kaj Statistikejo, la Societo de ĉeĥoslovakaj nevidantaj esperantistoj kun sia brajlpresa organo Aŭroro estis kreitaj plejparte laŭ lia iniciato kaj li ilin gvidis ĝis sia morto. Krome li laboris plej lerte por Esperanto inter skoltoj kaj ĝenerale ĉie ĉirkaŭ si. Kiu konis profesoron Stejskal, ŝatis ankaŭ Esperanton. La hejma lingvo de prof. Stejskal estis jam depost liaj studentaj jaroj Esperanto, kiun plene majstras lia maljuna patrino kaj la gefratoj. Ili kaj la edzino kun tri infanoj kaj multnombraj amikoj nun funebras. Bona homo nin forlasis. — O. G.

*Sinceran kunsenton!*

Esperanta  Programo



Komisiono de I.C.K. : Radio-statistiko.
Redaktas : J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben, N. L. German.

*La tempo estas tiu de Meza Europo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua. [Novajoj.

*Mallongigoj* : K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. =

DIMANĈO

08.30. — *Langenberg*, 473 m., Aachen, Köln, Münster. Par. : A. Dormans. — 30 min.
10.00. — *Eskilstuna*, 246 m., Par.: A. Agren. — 30 min.

LUNDO

20.30. — *Lille*, P. T. T., Nord, 265 m., Par. : A. Trotin. — Esplorado de la Gramatiko kun komentarioj — 30 min.

MARDO

19.00. — *Bern*, 403 m., Par. : J. Schmid. — K. — 30 min.
19.10. — *Torino*, 291 m., Par. : Prof. D-ro Canuto. — Esp. literaturo kun italaj klarigoj. — 30 min.
19.25. — *Huizen*, 1.875 m., Par. : P. Heilker. — N. — 15 min.

MERKREDO

18.35. — *Stuttgart*, 360 m. Freiburg. — Par. : D-ro Vogt. — El Originala Verkaro. — 30 min.
18.45. — *Wien*, 516,3 m., Graz, Innsbruck, Klagenfurt, Linz. — Par. : W. Smital. — 10 min.
19.30. — *Danzig*, 453 m., Königsberg 276 m. — Par.: B. Aeltermann. — K. — 30 min. — Ĉiun 2an Mk.
20.30. — *Moskov*, 938 m. — Program-anoncado en Esperanto.

JAŬDO

18.30. — *Paris P. T. T.*, 447 m. N.
20.00. — *Ljubljana*, 572 m. — Program-anoncado en Esperanto.
20.30. — *Kaunas*, 1.935 m., Par. : J. Kutra. — 20 min.
21.30. — *Lyon-la-Doua*, 446 m., Par.: G. Pouchot. — K. 15 min.
22.30. — *Uddevalla*, 203 m., Par. : E. Dahl. — N. — 30 min.
22.30. — *Moskva*, 720 m. — K.

VENDREDO

20.15. — *Genève*, 760 m., Par. : P. Bouvier. — K. — 15 min.
22.30. — *Leningrad*, 1.000 m., Par. : Urban kaj G. Teterin.

SABATO

16.40. — *Huizen*, 1.875 m. — P. Heilker. — K. — 30 min.
17.55. — *Breslau*, 325 m., Gleiwitz, 253 m., Par.: A. Hanuschke. —
18.30. — *Ljubljana*, 572 m. — K. — 30 min.
19.00. — *Königsberg*, 276 m., Dantzig. — P. — 5 min.
20.05. — *Tallinn*, 296 m. — Tartu. — N. — Pri Estonio. 10 min.
19.18. — *Zürich*, 459,4 m., Par. : R. Unger. — K. — 10 min.
21.15. — *Lyon-la-Doua*, 446 m., Par. : G. Pouchot aŭ E. Borel : N. — P. — 10 min.
20.30. — *Moskvo*, 938 m. — Program-anonco en Esperanto.
23.15. — *Bruxelles*, 508,5 m. — P. — 5 min.

# Grava sciigo

D-ro Tokunosuke ITOO, eksdelegito de UEA el Nagasaki, Japan., vizitos Eŭropon pro studceloj. Ni kore petas la Delegiojn ke ili afable faciligu la viziton de la urboj kie nia samideano restado. Rekta informo al la rilataj Delegitoj laŭvide estis sendita. La vojaĝo sinsekvas jene:
Marto: 1a: Foriro de Moji, Japan. — 3a: Shanghai. — 7a: Hongkong. — 13a: Singapore. — 31a: Suez.
Aprilo: 1a: Port Said. — 4a: Napoli. — 6a: Marseille. — 7a: Paris. — 15a: Berlin. Pliaj informoj sekvos........

Centra Oficejo de UEA.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Adony* (Hungar.). — S-ro Ludoviko Bálint, Del. de UEA, L., PI., bfl., k.ĉ.l. prefere popoltipojn, naciajn kostumojn. Certe respondos.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N.A. Zilver, 95 Damrak, PM. Malakceptas bagatelaĵojn.

*Berchem-Antverpeno* (Belgujo). — S-ro Daniel Gené, 27-jara instruisto, Statiestraat 53, deziras korespondi k.ĉ.l. L., PI., bfl., pri ĉiuj temoj, escepte lernejaj aferoj. Nepre respondos.

*Breclav* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Stratil bankoficisto, Del. de UEA, ekslibrisojn, monerojn, tutaĵojn, PM., PI., serĉas seriozajn korespondantojn kiuj certe respondos.

*Brescia.* — S-ro Preside Regio Istituto Magistrale, via Tosio, PI., L., por esperantistaj gelernantoj de la instituto. k.ĉ.l.

*Brescia* (Italujo). — Esperantista Grupo, Istituto Fascista di Cultura, via Umberto I, n-ro 9, L., PI., pri literaturo, historio kaj nuntempa vivo k.ĉ.l.

*Ceske Budejovice* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Rathay, 21 jara universitatano Jeronymova ul. 1, serĉas seriozan kaj daŭran korespondadon L., PI., pri lando, arto, popolkutimoj k.s. nur kun Hispanujo. Certe respondos.

*Chinkiang* (Ĉinujo). — S-ro Naŭu Ĉanĝia Fu, fervora fotoamatoro, 65 Yawyiwan, artplenajn fotojn kaj fotoĵurnalojn k.ĉ.l. Membroj de diverslandaj fotosocietoj kiuj deziras ricevi belajn fotojn de ĉinaj pejzaĝoj, vivo, popoltipo, k.t.p., skribu rapide kaj legeble. PK. akceptota. Respondo tuja.

*Clinton-Missouri* (U.S.A.). — S-ro Rex Booth, 517 N., 2nd Street, L., PI., prefere kun gesamideanoj en malgrandaj urboj aŭ kamparaj lokoj.

*Collaroy* (Aŭstralio, N.S.W.). — S-ro George W. Card, Ramsay Street, PI. de eduka intereso el ne-angle parolantaj landoj por aŭstralaziaj.

*Como* (Ital.). — Seriozaj gesamideanoj deziras korespondi kun samideanoj de ĉiuj landoj. Certe respondos. Castiglioni Pierino, D. de UEA, Via Vittorio Emmanuele, 28.

*Dijon* (Francujo). — S-ro Marcel Rozeau, 52, rue Aug. Brulé, PI., bfl., PM., k.ĉ.l.

*Gateshead-on-Tyne* (Angl.). — S-ro Thomas Pattinson, 20 Grasmere Street, L., PI., Gazetoj ĉiulandaj.

*Görlitz* (German.). — S-ro Fritz Hoffmann, Rauschwalderstr. 48, PI., L., k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Haste bei Osnabrück* (German.). — S-ro Nowak, serĉas korespondadon kun flugplacanoj, flugistoj, aerpolicanoj, flugplacestroj kaj motoristoj ĉ.l. por eventuale fondi internacian ligon flugistan.

*Hodonin* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Ludwik Irŝik, Vystavni 24, PM k.ĉ.l., precipe Japanujo, Aŭstralio. Certe resp.

*Hradec Králové* (Ĉeĥoslov.). — S-ro František Resler, Borromeum, PM. k.ĉ.l.

*Kapuvar* (Hungarujo). — S-ro Arpad Borsodi, PI. k.ĉ.l., nepre respondos.

*Kharkov* (Ukraino). — S-ro Fesenko, ul. Sadovo-Kulikovska 8, kv. 13, L., PI. France, germane, angle.

*Kortrijk* (Belg.). — S-ro Cesar Vanbiervliet, Del. de UEA, Wolvenstraat 3, PI. serioze kaj vigle, bfl. Ekskluzive artajn kaj koloritajn el Japanujo. Tuj respondos.

*Kortrijk* (Belg.). — S-ro Marc Devolder, Doornigwijkstraat 19, PI., bfl., PM. k.ĉ.l., escepte Britujo, German., Nederlando.

*Kostelec nad Orlici* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Vesely, Tumova ul. 535, PI. k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Lempääli Saoja* (Finnlando). — S-ino Elsa Junkkaala kaj F-ino Sylvi Myrra, PI., L., k.ĉ.l.

*Magdeburg* (Germanujo). — S-ro Fritz Rockmann, instruisto, Sandtorstrasse 8, PI., L. por 150 lernantoj.

*Mirenice ap. Hory Stribrné* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Zdenek Hahn, lernejestro, Del. de UEA, PI. ĉiam respondas.

*Mostar* (Jugoslavio). — S-ro H.-M. Behlilović, Profesoro, Hasanagiĉa 4, PM. eŭropajn kun progresintaj kolektantoj aŭ Yvert aŭ Michel.

*Mouvaux* (France, Nord). — S-ro Henri Duhem, Hotel-de-Ville, PI. k.ĉ.l. Ĉiam respondos.

*Nice* (Francujo). — S-ro Julio Kreibig, oficisto, Atlantic Hôtel, PI., L., k.ĉ.l. esp. aŭ angle.

*RippoletBarcelona.* — S-ro Antoni Font, Calvari 59, PI., L. kun Anglujo, Ameriko, Ruslando, Egipto. Certe respondas.

*Sheffield* (Anglujo). — S-ro C.W. Gardner, 35 Moor View Road, kaj kursanoj PI., L., k.ĉ.l.

*Sotteville-les-Rouen* (Francujo). — S-ro Robert Boissel, 45, rue Dumont, PI., L., k.ĉ.l. Certe respondas.

*Szombathely* (Hungario). — S-ro Johano Jarisch Uzletvezetöség, fervojoficisto, orkestrestro, PI., specialaĵojn naciajn, precipe el Italujo, Hispanio, Finnlando, Turkio, Afriko, Aŭstralio, Ĥinujo, Indio.

*Szombathely* (Hungario). — D-ro Halmágyi Géza, Király u. 35, interŝanĝus precizan karton geografikan landan aŭ interesan regionan de ia lando.

*Tampico* (Mexico). — S-ino Mathilde J. de Guerra, L precipe kun gesamideanoj en Eŭropo.

*Tampico* (Mexico). — S-ro Ernesto E. Guerra, L. kun sinjorinoj kaj fraŭlinoj kapablaj kulturi amikecon longtempe kaj sinjoroj kiuj ne estu kolektantoj aŭ funebraĵistoj. Prefere Eŭropanoj.

*Tempeh O/L* (Javo, Via Loemadjang). — S-ro Ong Thian Tong, L., PI., esperante aŭ angle nur kun ĉinaj gesinjoroj aŭ gefraŭloj en Ĉinujo. Certe respondos.

*Tetschen a.d.E.* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Rud. Löhnert, Bräuhausg. 89, PI., bfl. k.ĉ.l.

*Tetschen a.d. Elbe* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Hans Roppert, Del. de UEA, Bräuhausgasse 9, PM., k.ĉ.l.

*Vitry-sur-Seine* (Franc.). — S-ro F. Buisson, 12 rue du Rû-Grand, PM., L., k.ĉ.l. Ne sendas unue, resp. tuj.

*Weissenberg, Amts. Löbau* (Germ. Sachsen). — S-ro Walter Lukas, Kirchgasse 120 a, serĉas novajn gekorespondantojn. PI., bfl., PK., L., k.ĉ.l. Ĉiam kaj certe resp.

# Esperantista vivo

**Naskiĝo.**

*** Al Ge-sroj Ranft en Radebeul, German., filo.

*** Al Ge-sroj Buisson, D de UEA, Vitry-sur-Seine, Filo Raymond Marcel.

**Fianĉiĝoj.**

*** S-ro Jozefo Tatár, D de UEA en Rábapordány, Hungar., kun F-ino Marica Pécs, en Esztergom.

**Edziĝoj.**

*** S-ro Herbert Hammer, DM de UEA, kun F-ino Berta Bersinger, Zürich. 1. II. 1930.

*** S-ro Jean Bouvier, ano de UEA, Filo de Honora Membro kaj D en Poix, Somme, kun F-ino Marie Choisnet, 29. I. 30.

**Jubileo.**

*** D-ro Samuelo Patai, reg. ĉefkonsilanto, protektinto de l' 21a Universala Kongreso en Budapest, Fidela ano de UEA atingis 70 jarojn 10. I. 30. La Hungaraj esperantistoj gratulis la popularan samideanon al kio sincere aliĝas la C. O. de UEA.

MONUMENTA LIBRO LA TREZORO ZAMENHOFA

# L. L. ZAMENHOF : ORIGINALA VERKARO

ANTAŬPAROLO — GAZETARTIKOLOJ — TRAKTAĴOJ — PAROLADOJ — LETEROJ — POEMOJ

Kolektitaj kaj ordigitaj de D-RO JOH. DIETTERLE 1929. 605 paĝoj. Kun 6 faksimilaĵoj kaj portreto de L. L. Zamenhof Tuttola luksa bindaĵo. Prezo: Rm 15. — Svis fr. 18.75. MENDU ĈE VIA LIBRISTO aŭ per la Libro-servo de U.E.A.

**Nova interesa premio por Subtenantoj de UEA**

Personoj ankoraŭ ne pagintaj nunjaran kotizon ne manku okazon kaj

*aliĝu kiel Subtenantoj*

elektante kiel premion la 3 verkojn:

1. En Okcidento nenio nova.
2. Du majstronoveloj (de Storm).
3. Esperanto kaj Kulturo.

*Ĉiu tri: Unu premio*

NE HEZITU-ALIĜU

**Venu Dresdenon ! Koran Bonvenon !**




**Vizitu la 19an Germanan Esperanto-Kongreson, Pentekosto 7-10 Junio 1930**

**La Interna Rondo de la "Interniaro"**

sendas senpage al ĉiu kiu sendas la afrankon la jenajn libretojn.

Evangelio laŭ Sankta Marko.

Evangelio laŭ S-ta Johano. Biblio-partoj

La kvakerismo.

George Fox. (Biografio)

INTER NI

Kristana Revuo

*Skribu al :*

LA INTERNIARO
Direktoro
*Livingstone Jenkins*
64 St. Thomas Rd
Finsbury-Park,
LONDON, N. 4.

# Bibliografio de Internacia Lingvo

**560 paĝoj. — 16-24 cm. — 6000 indikoj**

**Prezo : 12,50 Frk. sv.**

**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, 1 TOUR DE L'ILE, GENEVE.**

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE